VIa jaro. No 86 — Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) — 20 Septembro 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro : HECTOR HODLER*

**ABONO**

Jara Abono. . . . . . . . . . . . . . 1,60 $ (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

Redaktejo & Administrejo : *10, rue de la Bourse*, GENÈVE (Svisujo).



## Dum la lasta duonmonato

**U. E. A. malfermas monkolekton por donaco de medalo aŭ pokalo al aviadisto okaze de granda internacia flugado okazonta en 1911.**

**Multaj naciaj gazetoj tre plene kaj favore raportis pri U. E. A. kaj nia unua kongreso en Augsburg.**

**Tre sukcesplenaj esperantistaj Kongresoj okazis en Sofia kaj Kopenhago.**

## Aviado & Esperantismo

Jam de pluraj monatoj la aviadistoj mirigas la mondon per siaj sin senĉese superantaj rekordoj. La timemajn flugojn ĉirkaŭ kampo anstataŭis ĉiam pli longaj kaj malfacilaj flugoj de urbo al urbo. Lastaj okazantaĵoj pruvis, ke jam nun la aviadistoj fariĝis kapablaj flugi je donita momento de loko al alia laŭ plano antaŭe fiksita. Per aliaj vortoj, la ĉielo estas siavice almilitita de la homo.

Sed, jen, stariĝas problemo, doloriga kaj grava. Ĉu la aviadilo fariĝos ilo de milito, de ŝovinisma provokado, de detruo, kiel sugestiis diverslandaj gazetoj ? aŭ ĉu ĝi estos ankaŭ ĉio ilo de paco, de popolligado, de civilizo ?

Ĉu la ĉielo, tiu senlima, sennacia spaco, al kiu dum miljaroj sin direktis la homaj rigardoj kiel al simbolo de paco kaj eterneco, tiu ĉielo, etendiĝanta super ĉiuj rasoj kaj ĉiuj gentoj de la tero, tiu ĉielo, esence neŭtrala kaj supernacia, fariĝos, kiel la tero, kiel la maro, nur plua batalkampo, en kiu la homoj de diversaj nacioj, sub la instigo de la malnovaj antaŭjuĝoj kaj nun sensencaj disputoj, daŭros sin reciproke buĉadi ? Ĉu tiom da scienco, tiom da maltimo, tiom da oferoj utilos simple al tio, ke ekzistos nova atakilo uzota de la ŝovinismo por ĝiaj malamaj celoj ? Aŭ ĉu la aviadilo utilos al tio, ke la homoj pliproksimiĝos unu al la alia, ke plimalgrandiĝos la baroj inter la popoloj, ke plifortiĝos la sento pri tutmonda interhoma solidareco, kiu, same kiel la aviadilo ŝvebas super la teraj landolimoj, ŝvebos super la landaj malkonsentoj ?

La aviadilo estas per si mem *ilo*, kiel Esperanto. De la homoj dependas, ĉu ĝi plibonigos nur iliajn materialajn interkomunikojn, aŭ ankaŭ influos al iliaj moralaj interrilatoj.

Ĉiuokaze U. E. A., kiu havas kiel celon la plifaciligon de la rilatoj inter la homoj, kiu posedas en alia rilato komunikilon tiel mirindan kiel la aviadilo kaj kiel ĝi kreita de la homa genio, ne povas resti indiferenta pri tia problemo. Male, ĝia devo estas helpi al tio, ke la aviadilo estu ilo de paco.

Kaj, jen, jus aperas okazo konkretigi ĉi tiun nian deziron. La franca gazeto *Le Journal*, laŭ la sama paca spirito, organizos dum somero 1911 internacian aeran rondvojaĝon, kiun ĝi rekompencos per altaj monpremioj. La aviadistoj sinsekve flugos de Parizo al Berlino, de Berlino al Bruselo, de Bruselo al Londono, de Londono al Parizo. En ĉi tiu konkurso sin jam enskribis famaj diverslandaj aviadistoj. Ni havas la devon montri nian simpation al tiu paca manifestado, kaj helpi al la kunligo de Aviado kun Esperantismo. Plej trafa maniero estus proponi gravan monpremion, sed ni tion ne povas fari, aŭ, almenaŭ, la sumoj ricevotaj ne sufiĉus por krei premion kapablan konkuri kun la aliaj. Sed ni opiniis, ke ni tre bone povos doni ĉu al la sukcesinta aviadisto, kia ajn estos lia vico kiu parolos Esperante, ĉu — se ne estas — al la sukcesinto, oran medalon aŭ artan pokalon, kun *Esperante* gravurita enskribo, kiu memorigos pri tiu notinda okazantaĵo, el la vidpunkto de la internaciaj rilatoj. Agante tiamaniere, nia Asocio ne nur donos sian aprobon al laŭdinda popolliganta afero, sed ankaŭ faros daŭran kaj senperan propagandon por Esperantismo kaj nia lingvo, kiu devas esti la necesa estonta komunikilo de la aviadistoj.

Por la farigo de la dirita medalo aŭ pokalo, ni do malfermas inter ĉiuj Esperantianoj kaj Esperantistoj *Monkolekton*. Ĉiuj *eĉ plej malgrandaj sumoj* estos danke akceptataj. Estas necese, ke ĉiuj niaj amikoj iel partoprenu en ĉi tiu manifestado. Ankoraŭ pli grava ol la alteco de la donacoj, estas necesa la *multnombreco* kaj plej granda *diversnacieco* de la donacantoj, kiu samtempe pruvos pri nia nuna forto kaj la deziro de ĉiuj Esperantianoj, kia ajn estas ilia hejmolando, ke la aviadilo estu uzota por paca homara celo. Ke ĉiuj partoprenantaj en nia movado kaj same pensantaj — kaj ni ne kredas, ke konscia Esperantisto povas pensi alie — nin helpu al la atingo de nia celo ! Antaŭe ni dankas al ĉiuj donacontoj (1).

U. E. A.

(1) Ĉiuj monsumoj estu sendataj al *Esperantio*, 10, rue de la Bourse, Genève (Sviv.). — La nomoj de la mondonacantoj estos regule publikigataj en ESPERANTO. — La Delegitoj de U. E. A. estas tre petataj kolekti la donacojn en sia loko kaj ilin ope sendi al ni kun la precizaj nomoj de la donacintoj. — La Komitato de U. E. A. aŭ speciala komisiono elektita de ĝi fiksos la detalajn kondiĉojn por la atribuo de la donacota objekto.

# SOCIA VIVO

## JURO

### Asekuro kontraŭ senlaboreco en germanaj urboj

La kreo de leĝa asekuro kontraŭ senlaboreco por la tuta imperio estis ĝis la nuna tago problemo nesolvita kaj tre eble restos ankaŭ tia por la proksima estonto. Alie estas la stato de la afero en pluraj germanaj urboj, kie estis entreprenataj provoj krei organizaĵojn asekurajn kontraŭ la sekvoj de l'senlaboreco.

La plej malnova ekzistas en Kœln kiel memstara kaso, al kiu la urbo donas gravan monhelpon, lasttempe pojare 10,000 $. La asekuro akceptis la formon de asekura kontrakto kun la laborprenanto kaj estas tute propravola. El tio ankaŭ rezultas la malutiloj de l'sistemo. Plejgrandparte tiuj kontraktoj celas asekuron kontraŭ senlaboreco sezona, speciale sin asekuras konstrulaboristoj por la vintro kaj tial la kaso estas okupata precipe de tiuj laboristoj, kiuj kun certeco devas kalkuli kun senlaboreco kaj pro tio entute ne prezentas nebonajn riskojn por la kaso. Malgraŭ la rimarkindaj monrimedoj la kaso do ne sukcesis malhelpi la sekvojn en pli granda mezuro. Por havigi al la senlaboruloj okupadon la urbo tial devis ankoraŭ en la vintro 08-09 aranĝi neĉesigitajn laborokazojn, por kiuj estas necesa tre grava monsumo.

Simila kaso troviĝas en Leipzig. Ĝi ne ricevas ian urban helpon, sed ekzistas tute per privataj rimedoj. La labortaga subtenaĵo estas 0,5-0,8 $.

Same la urbo Strasburg disponis monrimedojn por asekuri senlaborulojn kaj alprenis la tiel nomatan « Gent'an » sistemon kio celas esence, ke la komunumo al la subvencioj, garantiitaj de la fakaj ligoj al ĝiaj membroj, aldonu certajn pliaĵojn, t. e., en Strassburg 50 0/0 de la kasa subvencio. La « helpo al memhelpo » kiel oni tute trafe nomis la Gent'an sistemon, nature vidigas en tio gravan neperfektecon, ke ĝi tute ne helpas al ĉiuj laboristoj fariĝintaj senlaboraj. La aliĝo al fakaj ligoj nur estas ebla al laboristoj ellernintaj iun metion. Tiuj ne aliĝintaj al la ligo kaj tiuj ne ellernintaj metion ne povas partopreni je la bono de asekuro. Ree restas la neceseco aranĝi laborokazojn por la dumvintraj senlaboruloj. Strassburg ekzemple devis elspezi por tiu celo en la vintro 1907-08 ĉirkaŭe 3,150 $. La urbo aldonis al la subvencioj pagitaj de la ligoj en la jaro 1908 pli ol 1.750 $.

Plie estu citataj la urboj Erlangen kaj Mülhausen (Alsaco) dividiĝintaj por la Gent'a sistemo. Erlangen nur subvencias tiajn laboristojn, al kiuj pro profesio aŭ korpaj ecoj ne konvenas la nomataj dumvintraj laborokazoj. La urbo tamen konsideras la asekuron nur kiel aranĝojn plenigantajn la institucion de necesigitaj laborokazoj. Interalie la regularo ankaŭ entenas limigojn rilate la daŭron kaj alton de la subvencio.

La administracio de Mülhausen kontraŭe altigis la urban aldonon kaj la lasta reprezentas 70 0/0 de la kaso (en Strassburg kaj Erlangen ĝi estas nur 50 0/0). Senlaboruloj subtenantaj parencojn eĉ ricevas 80 0/0. Tamen la alteco de la urba subvencio estas limigata kaj la normo estas kiel en Strassburg 0,50 $.

Apud la urboj supre nomitaj sin metas alia grupo de komunumoj, kiuj ankaŭ starigis instituciojn por senlaboruloj sed sen la karaktero de asekuro. Ne ekzistas iu ajn kunhelpo de la asekurataj personoj en formo de pago de kotizaĵoj aŭ tempa antaŭzorgo en alia formo. Ĉe ili ne kontraŭstaras « pago kontraŭ pago », sed la institucioj estas nure subvenciaj.

La urbo München, en januaro de la pasinta jaro, enmetis en la buĝeton la 15,000 $ por subvencii senlaborulojn kaj tiu ĉi sumo eĉ altiĝis per enkalkulo de similaj elspezoj ĝis 35,000 $. Pri la aplikado de la subtenaĵoj kaj ĝia kontrolo la magistrato ellaboris apartan regularon. Kondiĉo estas seninterrompita estado kaj laborado dum unu jaro en la urbo, plie la subvenciotaj gefraŭloj devas posedi la « hejmrajton », kaj esti senlaboraj depost 8 tagoj. La subvencioj estas 15 $ por edzigitoj kaj 1 $ por gefraŭloj ĉiusemajne. La elpagon kaj la kontroladon prenas sur sin la laboristaj ligoj kaj la regionaj flegkomisionoj por la laboristoj ne aliĝintaj al la ligo. Entute estis elspezataj 35,200 $, pli ol 24,000 $ por liganoj kaj pli ol 9,000 $ por neliganoj. Ripeto de la aranĝo ne okazis en la lasta vintro. Ĝi pli vere estis nur unufoja helpo en epoko de neprospera ekonomia kondiĉo.

La aranĝoj prizorgantaj senlaborulojn entute egalas en la aliaj urboj de tiu ĉi grupo al la München'a. La administracio en Mainz disponis 5,000 $, el kiu sumo estis necese elspezi nur proksimume 1,750 $. La helpo atingis por fraŭloj 1,5 $ kaj por edziniĝintaj personoj 2 $ posemajne. Kiu ankoraŭ devis prizorgi infanojn malpli ol 14 jarajn ricevis 2,5 $. Subtenataj nur estis viraj laboristoj sen laboro ne pro propra kulpo. Ili devis havi aĝon ne malpli ol 18 jaroj, loĝi en Mainz minimume 1 jaron, labori regule de 1 jaro kaj estis senlaboraj de 14 tagoj. La kontroladon plenumis la polico kaj la ligoj. Ankaŭ por la nuna jaro la urbkonsilantaro repruntigis 5,000 $, kaj same agis la magistrato de Wernigerode, kie krom 8,000 $ por vintrolaboroj estis konsentataj 3,000 $ por helpi senlaborulojn, kiuj entreprenis memstare konstrui. Por la sama celo la urboj Ridorf kaj Flensburg eljetis 5,000 $. La subvencioj estis donataj kiel pruntaĵoj nerentumaj kaj nepagotaj post 6 monatoj, sed tute ne devis okazi deviga nepago. Aliaj urboj subvenciis per naturaĵoj (manĝaĵoj, brulaĵoj) aŭ parte pagantaj luprezon k. t. p. (Lübeck, Rostock, Magdeburg). Altensurg kaj Karlsruhe donis kontante el la ekzistantaj monrimedoj. El la profitoj de la urba pruntejo la urbo Dresden prenis 15,000 $, el kiuj estis uzataj interalie 3,000 $ por subteni senlaborulojn.

Lastan printempon Freiburg (Baden) enkondukis komunuman asekuron de senlaboruloj bazitan sur la Gent'a sistemo. La urbo garantias en epokoj de senlaboreco aldonojn al la laboristorganizaĵoj subvenciantaj la membrojn kontraŭ senlaboreco. Ankaŭ la neorganiziĝintoj ricevas aldonon, kondiĉe ke ili uzu sufiĉe frutempe la urbajn ŝpararanĝojn kreitajn por tiu celo. La urba subvencio estas 50 0/0 de la liga kaj daŭras 40 tagojn. Esceptataj estas en Freiburg la sezonlaboristoj, al kiuj estas rezervataj necesigitaj laboroj. Plie sin okupas pri diskutado de la asekuro jus la urboj Karlsruhe kaj Pforzheim.

Same multaj aliaj urboj nun prikonsideras la enkondukon de komunuma asekuro, ekzemple Nürnberg, Augsburg, Kolmar, Dresden, Leipzig, Braunschweig, Magdeburg, Halle, Frankfurt-a/-M, Kassel, Düsseldorf, Solingen, Duisburg, Elberfeld. En Berlin nuntempe diskutas la demandon la urboj Charlottenburg, Schœneberg kaj Rixdorf.

Berlin mem ne ankoraŭ sin decidis por definita projekto. Do dank' al la iniciato de Berlin kaj Frankfurt-a/-M. ankaŭ nelonge oni proponis al la komitato de la germana urbotago la prikonsiladon de la problemo. La opinio de la urbotago ne ankoraŭ estas sciata, ĉar nuntempe nun la komitato sin okupas pri la demando.

Resume la maniero de la provoj solvi la problemon kaj la proponoj en la cititaj urboj celas aŭ apogon al la supre nomita Gent'a sistemo, t. e. apliki simplajn aranĝojn subtenantajn, aŭ enkondukon de komunuma deviga asekuro (Magdeburg, Düsseldorf).

Ke la urboj antaŭiris, elprovi la problemon en la praktiko kaj fari la unuajn pionirlaborojn respondas al la natura evolucio. La urbaj financoj plej evidente sentas konsekvencojn de la senlaboreco en la granda okupo de la ŝtato por la malriĉuloj. La elspezoj ĝenerale pligrandiĝas en periodoj de ekonomia malprospereco, almenaŭ en la grandaj urboj pro la neceso aranĝi dumvintrajn laborokazojn. Malhelpi frutempe la senlaborecon celas ja jam de longe la urbaj oficejoj por laborperado. Ĉiuj tiuj cirkonstancoj el si mem alkondukas al la demando : en kia grado la urboj povas ebligi per asekuro malgravigi la sekvojn de la senlaboreco.

Por la plej proksima estonto restas do la tasko al la komunumaj administracioj. Nur kiam ili estos kolektintaj sufiĉe da spertoj rilate la metodoj, el kiuj ŝajnas esti la asekuro la plej promesanta, estos kreata la fundamento, sur kiu estos konstruebla la ŝtatleĝa reguligo..

Trad. F. Pfaff (1) (Worms).

### La Kroata krizo.

En la 80-a No de nia gazeto la subskribinto esprimis la esperon ke en Kroatlando ekregos fine longe dezirata konstitucio. Pravigis nur tiun ĉi esperon la sankciita leĝo, per kiu nun 250.000 enloĝantoj havas la voĉrajton.

La jus okazinta konflikto inter la kroata serba koalicio, kiu estas la plej forta partio en kroata « sabor » (deputataro), kun la Banuso kaj sekve la disfarmigo de la « sabor » klare montras ke en tiu ĉi mizera lando oni ankoraŭ estas sub influo de absolutismo.

Kiel ŝajnas la Banuso esperas disunuigi per helpo de la hungara ministra prezidanto la kroatan serban koalicion por formi tiam registaran partion en kiu ĝi trovus helpon kaj apogon.

La ne malproksima estonteco alportos la pluan disvolviĝon de la krizo aŭ ĝian finon.

Rubcu (Graz)

### La Interkonsento inter Rusujo kaj Japanujo.

Jen la teksto de la grava interkonsento subskribita inter Rusujo kaj Japanujo la 4 Julio 1910 kaj kiu donas pacan solvon al serio de longaj malkonsentoj.

1. En celo de plifaciligo de interkomunikiĝo kaj disvolviĝo de internacia komerco ambaŭ altaj kontraktantoj sin devigas al reciproka amika helpo por pliperfektigo de de iliaj fervojoj en Mandjurio kaj por enkonduko de pliperfektigoj en kunligado de diritaj fervojoj kaj sin deteni de ĉia konkurado, malutila al realigo de ĉi-tiu celo.

2. Ambaŭ altaj kontraktantoj sin devigas subteni kaj estimi *statu quo* en Mandĵurio en tia formo, kia ĝi estas starigata per ĉiuj konvencioj, kontraktoj kiaj aliaj konsentoj faritaj ĝis ĉi tiu tago kiel inter Rusujo kaj Japanujo, tiel ankaŭ inter ĉi-tiuj regnoj kaj Ĥinujo.

R. J. Elleder (Del. Vladivostok).

N. — Esp-ianoj, kiuj tradukos tiun artikolon nacien kaj ĝin represigus en lokan gazeton, bonvolu sendi unu ekz. en Esp.-Oficejo en Worms, Germ.

## KOMERCO

### La oro en Francujo

Antaŭ kelka tempo, se oni estus dirinta al franco, ke post kelkaj jaroj lia lando produktus oron kaj ke iam ĝi fariĝus vera « Transvalo », tiu franco ja estus kontentiĝinta leveti la ŝultrojn kaj...., nenion respondi.

Nun la afero tute ŝanĝiĝis : en Francujo du orminejoj donas interesajn *dividendojn* al siaj akciuloj ; La Bellière, kaj La Lucette. Plie lastatempe en diversaj lokoj fondiĝis (ĉiuj preskaŭ centre de Francujo, diversaj societoj por ekspluati orminejojn ; mi povas citi inter aliaj « Lemnon », « Les Mines d'Or du Plateau Central », « Les Mines d'Or d'Auvergne ». La lastaj ŝajnas la plej interesaj, Laŭ raportoj, faritaj post tre seriozaj laboroj de S-roj Demarty, Ragon, Degoutin kaj aliaj, ili enhavas tre maloftajn kvantojn da oro : eĉ el la minaĵo eltirita en Beaune (apud Limoges) oni trovis la mirindan jenan kvanton : 327 gramoj da oro en unu kilogrammilo. Se oni pripensas, ke ordinare la kvanto estas inter ses kaj tridek gramoj en unu kilogrammilo, oni povas vidi ke tiuj orminejoj estas eksterordinare riĉaj, kaj ili povas esperigi, ke post kelkaj jaroj la akciuloj de la nuna horo ricevos grandan profiton.

J. P. (Beaune)

## EKSPOZICIOJ

### Internacia higiena Ekspozicio Dresdeno 1911

La ideo, prezenti la gravegajn progresojn de la moderna higieno en formo de kompletega kolektado, ideo jam de longe intencita de la higienistoj, efektiviĝis en Dresdeno.

Jam en 1903 okaze de la « Germana urbekspozicio » interesis tre multe la prezentado de la higienaj aranĝoj de la urbmagistratoj, kaj precipe la speciala ekspozicio « Popolmalsanoj ; ilia kontraŭbatalado » estis vizitita de cent miloj da personoj. Post tiu sukceso oni meditis aranĝi grandan ekspozicion speciale por higieno ; kaj en 1906 multaj higienistoj decidis ke ĝi fariĝu internacia kaj havu lokon en Dresdeno.

Nun la higiena scienco ne plu estas nova ĉar ĉiu universitato posedas propran higienan instituton. Gravegaj malkovraĵoj precipe pri bakteriologio nun ebligas konservi la vivon al sennombraj homoj. Teĥniko kaj industrio konkuradas en ĉiuj regionoj servigi la higienon al la praktiko. En la nuna tempo la tuta homaro penadas plibonigi la eksteran vivon koncerne sanecon, loĝadon, nutraĵon, vestaĵon k. t. p., la homo volas agi laŭ higienaj vidpunktoj. La higiena ekspozicio donas al ĉiu vizitanto la eblon informiĝi plej klare pri la hodiaŭa stato de la higieno ĉu teorie, ĉu praktike, ĉar la ĉefrolo de la ekspozicio estas civilizi la homaron higiene.

La vizitonto konatiĝas detale kun la konstruaĵo de la homa korpo kaj kun la taskoj de la unuaj organoj ; li sciiĝas en facilkomprenebla maniero, kiaj malutilaĵoj lin atakas, kaj kiel li povas eviti ilin kaj aliflanke plibonigi sian propran staton de saneco.

Tre interesa ne nur por kuracistoj, kaj edukistoj de la junularo sed ankaŭ por ĉiu estos la prezentadoj kiuj montros la principojn de la sporta higieno ; grandiozaj sportkonkursoj el ĉiaj specoj, montronte la plej diversajn ilarojn, vestaĵojn, k. t. p

La impreso de tiu grava informado estas intensa kaj daŭranta, kaj la vizitantoj profitos ne nur per la observado sed ankaŭ per la ricevo de l'adresaro de la ekspozintoj por ke ili povu interrilati estonte kun la diversaj firmoj. La internacia komerco kaj industrio do trovos bone preparatan kaj aĉeteman konsumantaron kaj akiros mendojn kiuj okupados ilin multajn jarojn, ĉar multaj higienaj objektoj ne estas konataj en la publikaj rondoj.

Se oni komparas kun helpo de la statistiko la sumojn fordonitajn antaŭ kelkaj dekjaroj por higienaj aferoj de la komunumoj kaj ŝtatoj kun tiuj de la nuna tempo, kaj se oni pripensas la favoran influon de la nun uzata sanigeco, — la malpligrandiĝon de la mortemeco kaj malsaneco, la pli bonan staton de la popolsaneco — oni devas konfesi, ke la industrio havos en estonteco bonegan agadperspektivon por tiuj ĉi celoj.

F. Radeck (Del. Dresden).

## PEDAGOGIO

### La Turismo inter la junuloj en Germanujo

Kian belan rigardon oni havas vidante en la montaroj aron da gajaj junaj homoj, kiuj kantante kun ĝojo tramigras la mondon. En la mezo de samaĝaj amikoj kaj kunlernantoj migri tra la amata patrujo por vidi la homojn kaj esplori iliajn ecojn, tio estas la celo de bona kaj vera germana junulo. Migri li volas kaj en simpla kaj bela maniero rekoni la patran teron kaj ĝiajn loĝantojn.

Por atingi la diritan celon kaj por entrepreni bonajn, sanajn kaj malmulte kostajn migradojn tra Germanujo por la junularo oni fondis la societon « Wandervogel » (migra birdo), kiu estas disvastigita tra la tuta lando.

La « *migra birdo* » konsistas precipe el lernantoj kaj el la konsilantaro de la gepatroj kaj el amikoj de la entrepreno. Post pago de la malgranda unuo da 0.50 Sm. ĉiu lernanto estas enskribata en la liston de la migrantoj.

La gepatroj kaj amikoj devas helpi la aferon per duonjara pago da Sm. 0.375 por la monata ilustrita gazeto « Der Wandervogel », el kiu oni povas vidi ĉiujn sciindaĵojn de la afero. Ĉiuj enskribitoj ricevas senpage la gazeton kaj ĉiujn necesajn invitojn kaj havas la rajton — sed ne la devon — partopreni ĉiujn migradojn de la societo. La gepatra kaj amika konsilantaro konsistanta el gepatroj de la membroj kaj el lernejestroj kaj instruistoj devos zorgi por la financa forto de la Klubo. Ĝis nun la dirita konsilantaro havas ĉirkaŭe 500 membrojn.

La *gvidantaro*, al kiu apartenas precipe studentoj kaj ankaŭ instruistoj, havas la devon aranĝi kaj gvidi la karavanojn de la junaj membroj. La gvidado estas honora afero.

Kiamaniere migras kaj vojaĝas la « migra birdo » ?

Ne laŭ la oportuna kaj luksa maniero de la moderna tempo. Ne en la luksa vagonaro li faras siajn vojaĝojn ; ankaŭ li ne bezonas la belajn botelojn kun luksa komforto.

Regule estas modesta vilaĝa gastejo en kiu la « *migra birdo* », vespere trovas sian simplan loĝejon. Simpla kaj nedependa de la grandaj hoteloj kaj riĉaj gastejoj ankaŭ estas la manĝado de la migruloj. Laŭ longe aprobitaj principoj kuiras la vera « migra birdo » sian manĝon mem en la kampo aŭ sur la montoj.

Oni aranĝas tagajn kaj dekontagajn ekskursojn kaj dum la libertempoj malgrandajn aŭ pli grandajn vojaĝojn. La regulaj dimanĉaj ekskursoj kostas nur malmulte pli ol la vojaĝmono por la fervojo. Pli grandaj vojaĝoj kostas regule Sm. 0.50 tage, ekzemple 3—4- taga vojaĝo kune kun la mono per la fervoja bileto kostas ĉirkaŭ Sm. 2.50—3— , kaj 1—2 semajna vojaĝo sen la kostoj por la fervojo Sm. 3.50 ĝis Sm. 7.

Depost la komenco de la afero la « migraj birdoj » jam tramigris la montarojn : Harz, Riesengebirge, Fichtelgebirge, Rhon, Spessart, Taŭnus, Odenwald.

Sed ne nur la montarojn oni vizitis ; ankaŭ en la ebenaĵojn oni jam ofte migris, tiel tra Mecklemburg, Schleswig-Holstein, Friesland. kaj Preussen. La ĝisnunaj rezultatoj estas la jenaj : dum la jaroj 1897 ĝis 1901 oni faris 10 grandajn vojaĝojn kun 95 partoprenantoj, en 1902 oni jam povis aranĝi vojaĝojn kun 115 partoprenantoj, en 1903 jam 13 migradojn kun 250 partoprenantoj en 1905 20 vojaĝojn kaj en 1906 98 vojaĝojn kun 993 migruloj. En la jaro 1907 kreskis la nombro de la migradoj ĝis 847 kun 10.142 partoprenantoj.

Per tiuj ĉi nombroj oni vidas, ke la migrado inter la junuloj ĉiam kreskas kaj estus rekomendinda, ke ankaŭ en aliaj landoj oni fondu similajn societojn, kiuj povus havi inter si rilatojn eble per la pero de nia kara internacia helplingvo » Esperanto » (1).

H. Fricke (Del. Frankfurt).

(1) La adreso de la nuna estro de la Societo estas : S-ro D-ro E. Kolbe, Friedenaŭ-Berlin, Kaiserallee 123.

## IDEOJ & FAKTOJ

### Kiel kaj kial mi enloĝiĝis eksterlanden- de H. Mečnikov (fino)

III

Ĉe tiaj kondiĉoj neatendite ekfrapis tondro. La sekvoj de la 1-a de marto 1881 (1) treege pliakrigis ĉiujn universitatajn interrilatojn kaj ilia politika karaktero elmontriĝis neordinare malpale. Kvankam laŭ la leĝo reĝis la regularo de 1863, tamen en aero jam flugpendis la regularo de 1884. Efektive tre multaj decidoj de universitata konsilantaro estis nuligitaj de pli supra estraro, kiu trovadis ĉie, spite realeco, la ribelon. Dum tempo, kiam ekstremaj «maldekstraj» partioj estis jam venkitaj kaj demoraligitaj, la estraro, kvazaŭ ignorante tion, daŭrigis persekutadon sen iu ajn esploro. La situacio de profesoroj, kiuj tute ne aprobis kontraŭregistaran agitadon, tamen ne opiniis necesa ĉi tiun persekutadon, fariĝis altgrade netolerebla. La personoj, kiuj simile al la aŭtoro de ĉi tiuj linioj, sin dediĉis nur al scienco kaj malamis iun ajn politikon, eksentis sin tre ŝarĝitaj kaj, ĉar tiu ŝarĝo malbone influis la sanon kaj précipe nervojn, ili komencis serĉi manieron por liberigi sin de ĝi. Vizitado de universitataj kunsidoj fariĝis vera turmento. Kandidatoj por katedro, kies scienca pakajo estis inda de neniu kritiko, fariĝis profesoroj, elstarigante sian malklerecon nekredeble cinike. Personoj, indignigitaj de tio ĉi, komencis pensi pri eksiĝo. Sed kiamaniere efektivigi ĉi tiun deziron? Preskaŭ ĉiuj profesoroj en Odessa estis homoj sen monrimedoj kaj krome kelkaj havis multenombran familion. La eksiĝo en ĉi tiuj kondiĉoj povus kaŭzi ankoraŭ pli malbonajn sekvojn. Mia situacio estis pli bona, ĉar mia edzino posedis negrandajn monrimedojn, kaj infanojn ni neniam havis. Uzante tiun prerogativon, mi preparis skribpeton pri eksiĝo kaj metis ĝin en mian poŝon por ĉiu okazo.

IV

La okazo ne devigis tro longe sin atendi. Dum la tuta tempo de mia estado en universitatoj (ĉu mi estis studento, ĉu profesoro) ĉio nenormala en ilia vivo preskaŭ ĉiam devenis el jurista fakultato. Mi jam rimarkis ĉi supre, ke studentaj kunvenoj ĉiam estis aranĝitaj de juristoj. Poste plimulto da kolizioj en Odessa universitato ankaŭ komenciĝis meze de profesoroj juristoj. Dum la registaro furioze persekutis, aŭtune de 1881, la dekano de jurista fakultato, trarigardante disertaciojn de studentoj, kiuj printempe de la sama jaro jam ricevis universitatajn diplomojn, trovis inter ili unu aprobitan de la fakultato, kiu estis dediĉita al esploro de la doktrino de politika ekonomisto Rodbertus on Jagecov. La aŭtoro de la disertacio estis Gercenŝtein, poste membro de Regna Dumo, tragedie kiaj antaŭtempe pereinta. Trovinte, ke tiu disertacio enhavas socialistajn tendencojn, la dekano proponis al fakultato preni la decidon, ke estonte similaj disertacioj estu sisteme malaprobataj. La fakultato prenis ĉi tiun decidon, kio sekvigis veran ribelon kaj ekaperigis skribpeton pri eksiĝo, kuŝinta en mia poŝo en manoj de la rektoro.

Studentoj kaj ankaŭ multaj profesoroj en la ago de la dekano elvidis pretekston por elstarigi politike malbonintenca la profesoron, aprobinta la disertacion. Ĉe tiama reakcio la dekana propono, alprenita de la fakultato, povus sekvigi tre pezajn rezultatojn. Malgraŭ subpremiteco inter «maldekstraj» kaj precipe inter «ekstremaj maldekstraj» partioj, studentoj juristoj ekscitiĝis. Ili aranĝis malamikan demonstracion al sia dekano, post kiu kelkaj el ili estis severege kondamnitaj. La universitata junĝantaro, rapidante, punis unu studenton, kiu, laŭ konvinko de kolegoj, ne partoprenis en la demonstracio. Naskiĝis nova pli granda malkontenteco, tre forte ekscitinta la tutan universitaton kaj ĝian superan estraron.

Estra kuratoro de Odessa lerneja regiono, timante, ke universitata malordo tre malbone impresos al la registaro, decidis uzi neordinarajn manierojn por trankviligi la studentojn. Por ĉi tiu celo li invitis min kaj unu profesoron de historia filologa fakultato kaj proponis al ni konvinki studentojn, ke ili forlasu kunvenojn kaj demonstraciojn kaj trankvile daŭrigu interrompitan laboron. Ni ambaŭ konsentis fari influon, sed, ĉar laŭ nia opinio fonto de malbono estis tute sentakta ago de l'dekano de jurista fakultato, ni starigis la kondiĉon, ke tuj post trankviliĝo de studentoj la estra kuratoro proponos al la dekano eksiĝi, restonta nur profesoro. La estra kuratoro promesis al ni plenumi ĉi tiun programon.

Ricevinte tian promeson, ni facile trankviligis studentojn kaj sukcese admonis ilin rekomenci sciencan laboron, sekve de kio la universitata vivo baldaŭ denove fariĝis normala. La estra kuratoro tamen ne plenumis la donitan vorton, pretekstante, ke li mem estas persono submetiĝanta, oficisto, ne povanta agi memstare, subulo de ministro.

Post ĉi tio nenio al mi restis plu krom eksiĝo. La perfido de l'estra kuratoro, post ĉio estinta antaŭe, fine senpaciencigis min. Ĉar miaj monrimedoj malhelpis al memtara ekzistado, mi jam antaŭ kelke da monatoj ricevis la promeson de mia proksima amiko la prezidanto de Poltava Zemstva oficejo doni al mi la oficon de Zemstva entomologiisto. Tiam insektoj faradis sufiĉe grandajn dezertigojn en suda Rusujo kaj mi devus pristudi la demandon, kiamaniere estas pli bone kontraŭbatali tiun malfeliĉon. Poltava Zemstva oficejo invitis min kiel lokan entomologiiston kaj mi jam estis preta preni tiun ĉi oficon, kiam okazis neatendita familia okazintajo, kiu tute ŝanĝis ĉi tiun planon. Mia edzino ricevis heredajon, kies enspezoj povus garantii nian vivekzistadon. Komence ni veturis Mediteraneon, kien ni de longe jam celis por daŭrigi miajn sciencajn esplorojn. Tiamaniere mi ne fariĝis Poltava entomologiisto.

V

Mia restado en Messina havis la sekvon, ke anstataŭ zoologiisto mi fariĝis patologiisto kaj bakteriologiisto. Reveninte Rusujon, mi denove enloĝiĝis en Odessa, kie mi aranĝis malgrandan laborejon en propra loĝejo. Tiamaniere mi vivis preskaŭ du jarojn, sed, ĉar bakteriologia laboro postulis pli da monrimedoj, mi kune kun miaj du estintaj disciploj ekintencis aranĝi en Odessa bakteriologian laborejon por jus elpensitaj de Pasteur inokuladoj kontraŭ lisso, antrakso k. c.

Odessa urba magistrato kaj Ĥersona Zemstvo donis necesajn monrimedojn por efektivigado de la intencita plano. Forlasinte regnan oficon, mi tiamaniere fariĝis servanto de urbo kaj Zemstvo. Plene okupita de la sciencaj esploraj, mi transdonis la tutan praktikan parton de laboro t. e. inokuladon kaj preparadon de inokulajoj al miaj junaj kolegoj. Ŝajne la afero devus sukcesi. Novenaskiĝinta bakteriologia instituto fervore komencis labori, sed kontraŭ ĝi aperis malamikeco kaj anoj de medicina oficestraro surprize vizitadis ĝin por trovi iun ajn dekliniĝojn de leĝa ordo. En medicina societo oni aranĝis veran hundĉasadon kontraŭ ĉiu laboro, kiu estis farita en nia instituto. La institucioj, provizintaj al ni monrimedojn, postulis praktikajn rezultatojn; do la laboroj par atingi tiujn rezultatojn renkontis ĉiamajn malhelpojn. Celante ekstermi zizelojn malutilajn por cerealoj en suda Rusujo ni proponis provi la efikon de bakterioj de tiel nomata kokina ĥolero. En la laborejo komenciĝis jam provoj; tamen unufoje mi ricevis ordonon de polica urbestro senprokraste ĉesigi la provojn. Tio okazis sekve de instigo de lokaj kuracistoj, kiuj sub influo de felietono de unu Peterburga gazeto, skribita tre lerte, sed de aŭtoro nenion komprenínta pri bakteriologio, certigis la polican urbestron, ke la bakterioj de kokina ĥolero povas aliformiĝi kaj esti kaŭzo de azia ĥolero.

Generalo guberniestro, al kiu mi devis min turni, forigis la ordonon de la polica urbestro; tamen la incidento ne restis sen influo por la laborejo. Krom tio — kaj ĉi tio poste montriĝis precipe grava — meze de ne multenombraj anoj de la laborejo okazis serioza disiĝo. La personoj, preníntaj en siaj manoj praktikan laboron, ĉesis labori interkonsente; mi do, troŝarĝita de sciencaj esploroj, ne povis ilin anstataŭi des pli ke, ne havante diplomon de kuracisto, mi ne havis la rajton fari inokuladojn al homoj. Min trovinte en tia stato mi klare ekvidis, ke por mi kiel teoriulo, pli bone estas foriĝi, allasinte la laborejon al praktikuloj, kiuj, se ili prenos sur sin la respondecon, sukcesos pli bone en plenumado de sia rolo. Sed, ĉar mi pasie deziris daŭrigi miajn sciencajn esplorojn, estis urĝa bezono trovi rifuĝejon, kie mi trankvile povus fordoni min al mia laboro. En Rusujo tiam krom la Odessa ne ekzistis alia bakteriologia laborejo. La princo A. P. Oldenburgskij ekintencis fondi en Peterburgo grandan bakteriologian instituton kaj proponis al mi priokupi min je ĉi tio. Tamen memorante Odessan provon kaj sciante kiel estas malfacila batalado kontraŭ baroj, naskiĝontaj sen iu ajn komprenebla kaŭzo de ĉiuj flankoj, mi preferis foriri eksterlanden kaj trovi tie trankvilan lokon por mia scienca laboro. En la komenco mi vizitis kelke da germanaj laborejoj, sed tuj konvinkiĝis, ke tie tute forestas oportunaj por mi laborkondiĉoj. Poste mi veturis Parizon, kie tiam (en la jaro 1887) estis konstruata Instituto de Pasteur. Ekvidinte, ke en ĉi tiu Instituto oni supozas laŭ projekto lokumi multajn laborejojn, tamen samtempe la personaro estas tre ne multa, mi demandis Pasteur, ĉu li ne konsentus doni al mi unu aŭ du ĉambrojn en nova instituto, en kiuj mi povus libere labori kiel privata persono. Pasteur kaj liaj kunlaborantoj rilatis al tiu propono tre simpatie kaj en la tempo de malfermo de la Instituta (novembro 1888) mi ricevis tre bonan laborejon kaj la nomon servestro. Baldaŭ ĉe mi aperis disciploj, sekve de kio oni al mi donis pli grandan fakon de la Instituto; poste oni min altiris al legado de lecionoj kaj jen dum 21 jaroj mi daŭrigas la laboron, pri kiu mi revis la tutan mian vivon. En Parizo tiamaniere povis efektiviĝi la celo de scienca laboro sen iu ajn politika aŭ sociala agado. En Rusujo baroj de supre, de malsupre kaj de flanke faris tian revon neplenumebla. Oni povus pensi, ke por Rusujo ankoraŭ ne alvenis tempo, kiam la scienco povas fariĝi utila. Mi ne estas konsenta pri ĉi tio. Mi pensas male, ke ankaŭ en Rusujo la scienca laboro estas necesa kaj mi tutanime deziras, ke por estonta tempo kondiĉoj por ĝi estu pli favoraj ol en la tempo, pri kiu mi jus rakontis.

Kun la permeso de la aŭtoro,
Trad. D-ro K. Ŝidlovskij. (Moskvo)

### Pri la sesuma sistemo en kalkulado

La N° 81 de la Esperanto enhavis kontraŭdiron pri la sesuma sistemo en N° 80. La kontraŭulo donas la koncesion, ke la tabelo de multiplikado, kiu finis en la sesuma sistemo ĉe 36, estas pli facile lernebla, ol la tabelo ĝis 100. Sed tiu estas efektive senŝarĝigo de la memoro, kaj estus nia devo fari atingebla tiu facilecon al la homaro.

Mi atendis alian kontraŭdiron, nome: la demandon pri la utileco, oportuneco en la jaro 1910? Nun, kiam en mezuro, pezo, mono ktp. la dekuma sistemo en tuta Eŭropa kaj Ameriko estas uzata, ĝi malfruas rekomenci, ĉar efektiva profito nur estos atingebla, se la sistemo en mezuro, pezo ect. akordiĝas kun la kalkula sistemo, kiel en nuna tempo la dekuma sistemo. Domaĝe, ke kun tiu sistemo la dirita senŝarĝigo de memoro ne estas atingebla. Ĉu eble per la kvinuma sistemo?

Fungo.

### La rasa problemo en Brazilujo

Kultura nacio, havanta la estrecon super neprogresa popolo, prenas sur sin laŭ moderna teorio kulturan taskon. Tiu ĉi esprimo montras edukan devon: la altigon de la neprogresa poplo al pli alta civilizo. Krom la materiala disvolvo, la intelekta kaj morala progresoj estas atingotaj. Nur tio rajtigas enmikson en la vivon de fremda popolo. En la nuna tempo, kiu ĉie rekonas kaj zorge observas la humanajn rajtojn, subigo, sklavigo kaj burĝa senrajtigo de la pli malalta popolo daŭre ne estas penseblaj; la provo estus la kaŭzo de pli malfruaj danĝeraj reakcioj kaj socialaj bataloj, kiuj devus atingi des pli malbonan karakteron, ke ili kiel rasaj bataloj estus decidotaj sur la fundamento de la diversraseco ĉar tiel ne ŝanĝeblaj eksteraj karakteroj estus konsiderataj kiel konstanta rekonilo de internaj malsimilecoj kaj malkonsentoj. La nekapableco estri sin kaj krei laŭmodernan socian ordon submetis la naturajn popolojn al la rajto de la pli forta, t. e. de la donanto de kulturo, sed tiu ĉi povas nur plenumi la taskon, se ĝi iom post iom forigas la mankojn, kiuj ĝian intervenon ebligis, se ĝi vekas en la estrata popolo la kapablecon por pli malfrua partoprenado je la memadministrado, kaj se ĝi donas al la alia popolo la socian ordon, al kiu ĝi mem ŝuldas sian propran kulturon kaj forton.

Dum la ekonomiaj kaj pli malfrûe ankaŭ la administraj kaj politikaj interesoj de ambaŭ partoj miksiĝas, la natura progreso de la evolucio aŭtomate montras, ke la doninto kaj la akceptinto de la kulturo devas labori, celadi la samajn ideojn kaj harmonie vivi, tiel garantiante la unuecon kaj fratecon tiom, kiom la socia, klereca kaj riĉeca malsameco permesas. Kie la rasa kaj lingva diferencoj estas forviŝitaj ĝis negraveco, tie la kolonia laboro estos la plej sukcesplena.

Je tiu rilato Brazilujo estas citota kiel iama kolonia lando, en kiu la rasa problemo trovis idealan solvon. Tie oni ne rimarkas tiajn malfacilaĵojn, kiujn ĝi alportas al la Usonanoj — kio montras, ke Usono faris erarojn, kiujn Brazilujo evitis. Ĝuste estas, ke en la lasta lando la amalgamado nur povis okazi kontraŭ valormalpliigo de la kultura nacio portugala; tamen sendube la koloraj rasoj, kiel akceptantoj de la kulturo, senfine pli gajnis ol la portugala raso perdis. Portugalujo estis tro malgranda kaj malriĉa je homoj, por koloniigi landon de tia grandega amplekso kaj por doni cifere sufiĉan postan elmigrantaron al siaj kulturaj pioniroj. Per la elsuĉanta politiko ĝi perdis eĉ tiun plej bonan kolonion, same kiel Angloj Usonon. Brazilujo kaj Usono iĝis memstaraj. La modernaj popoloj konas la kaŭzojn kaj scias eviti la faritajn erarojn.

Portugaloj, Indianoj, Negroj kaj miksuloj de tiuj tri rasoj formas la brazilan popolon. En la unuaj jarcentoj de la landa historio oni ne povas paroli pri difinita rasa politiko. Male la Indianoj estas sklavigataj kaj tiel plejparte pereis. Tiam oni enkondukis el Afriko negrojn kiel kompenson. Fine en 1888 la sklaveco estis neniigita, sed tiam tio okazis honeste kaj sen la provo kompensi ĝin per kaŝata servuto. La liberigitoj ricevis kelkajn rajtojn burĝajn kaj ankaŭ politikajn, t. e. elektajn, se ili povis prezenti iometan kleron. Tiel la transiro de la sklava al la libera laboro okazis glate kaj, se ankaŭ ne sen ekonomiaj domaĝoj, tamen sen politikaj malfacilaĵoj. Vere estas, ke multfoje la ŝulda interrilato de la laboristo rekompencis la sklavtenadon. Sed la negro, kutiminta depost malnovaj tempoj al simila tiel nomeblaj libervola dependeco, ne sentas tian ŝuldan rilaton kiel servuton. Kvankam li submetiĝas al ia labora devigo, aperinta unue kun la elpago aŭ forlaborado de siaj ŝuldoj, tamen la mastro konsideras lin plie kiel protektaton apartenantan al la familio ol kiel objekton trouzotan. La negro estas tre inklinema je tia kamarada traktado, kiu neniel neniigas la submeton sub la volo de la mastro. Tial la sistemo funkciadas bonege kaj ĝenerale kun ambaŭflanka kontenteco.

La «leĝoj pri luigo de laboro» neniel estas limigitaj por negroj; tamen ili iom estas kalkulitaj por tiuj ĉi, estante konformaj al ilia pliamo havi mastron, kiu kvazaŭ zorgas por ili, okaze antaŭpagas monon, kontraŭ kiu ili luigas siajn servojn al la mastro. Tio okazas plejparte sen la uzo de nenaturaj delogiloj, tial ke la sistemo respondas al la inklinoj de la negroj. Aliaj rasoj luigas kontraŭstare siajn servojn kaj bezonas singardan konsideron, por ke ili ne forkuru al la mastro. Almenaŭ ne ekzistas leĝoj, kiuj malutilas al unu raso favore de la alia kaj tiel konservus faktajn malsimilaĵojn, kiuj povus porti la senton de diversraseco al viva konscio. La socia skalo kontraŭe estas konforma al la natura diferenco inter riĉaj kaj malriĉaj, kleraj kaj nekleraj. Nenie la malriĉa homo estas malhelpata ŝin ŝovi al pli bonaj cirkonstancoj. Kapablaj ekonomiaj elementoj antaŭenvenas, kaj la malpli kapablaj kaj nekleraj, ludante subalternan rolon, ĝenerale ne estas rajtigataj tion konsideri kiel socian maljustaĵon. Kiel transiro de la sklava al libera laboro oni ne povus eltrovi pli konvenan sistemon, pli bone alfaritan al la negra karaktero. Se la eŭropaj koloniaj reformantoj studus pli atente la spertojn de aliaj popoloj pri la okupado de la negroj, ili trovus precize en la brazilaj regionoj, ne tuŝataj de eŭropa enmigrado, modelajn ekzemplojn de sukcesplena altirado de negroj al terkultura laboro.

Por tiu celo oni devus certe jam iri en la internajon de la lando kaj tie resti kelktempe. La supraje observantaj vojaĝantoj kutime perceptas unue aliajn interrilatojn de la rasa problemo. Se ili estas senantaŭjuĝaj, kio ne ĉiam okazas, ili ricevas bonan impreson de la socia harmonio de la apartaj rasoj. Ili kutimas klarigi ĝin per la neestanta antipatio inter la Romanoj kaj la koloruloj, eble aldonante kelkajn observojn pri la rasa antipatio inter Germanoj kaj koloruloj. Tiuj juĝoj eble ne tiel trafas la verecon, kiel lui kredus. La diversega kompreno de la Romanoj kaj Germanoj pri prezentigo de la seksa vivo kaj pri la interrilato al la alia sekso tie ĉi fundamente trovas sian esprimon. En Brazilujo leĝe kontraktitaj edzecoj inter membroj de diversoj rasoj estas maloftaj, dum neleĝaj edzecoj samtempe ĝenerale troviĝas. Tamen estas aldonote, ke ili malofte estas neleĝaj edzecoj en la eŭropa signifo. Al ĝi makulo ne estas alligita. La negro, la Indiano hejmkutime ne konas niajn edziĝojn, kiujn ili komprenas nur per ilia formala flanko, ekzemple laŭ la havaj profitoj kiujn ili povas alporti. Ĉe ili ekskluzive la reciproka inklino kuntiras viron kaj virinon kaj, kie la inklino daŭras, ankaŭ la edzeco, tio estas la kunvivado, povas dumvive daŭri.

La esprimo libera amo ne trafas la esencon de tiaj interligoj, ĉar ambaŭ partoj rigardas sin kiel geedzojn kaj reciproke tenas fidelecon, almenaŭ tiel longe, kiel ili sentas. Amvagadoj kaj sekvantaj disiĝoj estas oftaj, sed ili ne surpresas makulon al la virino, nek malfaciligas novan edzecan kontrakton. La ideon de la libera amo kaj de la pli malbona prostituado unue la Eŭropanoj alportis al tiuj rasoj, ĉar la Eŭropanoj rigardis tiajn interligojn ne kiel serioze komprenotan aferon kaj sekve celadis detiri sin al iliaj konsekencojn. Tamen kontraŭ tio la brazilaj leĝdonantoj prenis tre efikajn forigilojn kaj tiel havigis al la ofendata moralo de la koloruloj repacigon. Kvankam ili ne rekonas la kunvivadon kiel edzecon, tamen ili donas al la infanoj el ĝi deveníntaj la heredan rajton ankaŭ kontraŭ la patro. Plue al la needza naskiĝo ne estas alligata iu makulo kiel en germanaj landoj, kie moro kaj leĝdonado tiurilate estas eble ne nur laŭ sentado de koloruloj terura kaj pentofarigas senkulpajn infanojn pro la peketoj de iliaj genaskintoj. La brazila leĝaro tie perfekte alfariĝis al la estantaj interrilatoj, al la sentoj de la kolorulaj popoloj kaj ankaŭ al la justemeco de la senpartia kultura homaro, kaj tiel helpis al la malfortigado de la rasaj diferencoj. Fine la leĝo nur ekzistas por distribui lumon kaj ombron kiel eble plej same, kaj tie en la koloniaj landoj maltrafis sian celon, kie ĝi nenature kreas aŭ pliakrigas kontraŭajojn anstataŭ forigi ilin.

Sed la socia egaleco en Brazilujo ankoraŭ plue progresas. La kolorulo ne estas evitata en la societo de la blankuloj kiel en Norda Ameriko kaj aliloke. Se ĝenerale malgraŭ tio proporcie malmultaj koloruloj intermiksiĝas en la tiel nomata bona societo, tio ne estas rezultato de socia devigo, eligado, aŭ jam volonta forrestado, sed simple la sekvo de la mastruma flankenrestado de la negroj, kiu fine estas konforma al ilia socia rango. Kvankam nenia kontraŭajo malhelpas la socian progreson de la negro, escepte komprenеble la propra alnaskita mallerteco kaj nepovo, tamen rasa disiĝo okazas. Kie tamen la negro escepte montras talenton, inteligentecon, praktikan aferan senton, tie lia ĉeesto en la granda societo surprizas neniun, se ne la novulon. En Usono tio estas alie; tie la rasa problemo estas nenature starigita stato, kiu ne havas rajtigon. Ankaŭ en Hindujo la rasa problema farus seriozan maloportunecon al la angloj, se ili ne atingos per forigo de la estantaj malbonoj repacigi la spiritojn kum sia estreco. La belaj tie loĝantaj rasoj kaj inteligenteco ŝajnigus tiun celon pli facile atingebla ol okazas en Afriko kaj Papuazio, kie la harmonio estas farota kun ekstremoj multe pli malfacile unuigeblaj.

La Indiano kaj la kolorulo estas ĝenerale jam pli proksimaj al la blankulo kaj la brazila societa vivo havas saman indecon kiel tiu de iu eŭropa societo malgraŭ la partoprenado de kolorulaj elementoj. Eĉ oni povas diri, ke la interrilataj formoj kaj la bona konduto kutime estas konservataj kun tia lerteco kaj delikateco, pro kiu oni povus envii la Brazilojn en iaj eŭropaj rondoj. Jen mi havas la facila interrilatemecon de la Francoj, kiu ilin distingas, sen la almikso de frivoleco.

Eble la manko de la lasta venas de la serioza karaktero, kiun la libera edzeco ĝenerale montras en Brazilujo. La Franco havas amistinojn kaj gloras sin. (1) La Brazilo plej ofte havas nur unu amistinon, unu apartan amajon, kiun li pli ŝatas ol parolas pri ŝi frivole. Sed samtempe li ne kaŝas ŝin diligente, ĉar li opinius ŝian estadon kiel ion nepre naturan. Tion la fremduloj ofte rigardas kiel malfirman kutimon, komprenеble de la vidpunkto de la Braziloj en ia senco malprave. Se enmigrantaro de plej parte viraj individuoj en kolonian landon, kio Brazilujo estis pli frue kaj kun limigoj estas ankoraŭ hodiaŭ, enfluegas, nepre estas klare, ke ili faras interrilatojn kun la estantaj virinaj elementoj. Tio en neniu kolonia lando alie okazas, kaj la klimataj kondiĉoj de la varmegaj landoj plifortigas ankoraŭ la reciprokan emon de la seksoj. Se la enmigranta blankulo ne edziĝas kun la kolorulino, kiu ne trovas ion ofendindan en la sindono al li, ĉar la sociaj diferencoj kaj eble ankaŭ la rasaj maloj ŝajnas al li tro grandaj por leĝa edzeco tamen li naskigas infanojn kun ŝi; kaj se la leĝaro donas al ili kelkajn rajtojn kontraŭ la patro, ili ricevas ne nur bonan edukadon, sed ankaŭ formas per sia miksa raso naturan transiran ŝtupon inter enmigrintaj kaj enlandanoj kaj alproksimigas tiujn ĉi al tiuj tiel per la koloro kiel per la klero.

Se fine la koloruloj akiras la lingvon de la almilitantoj, la senco de la burĝa kamaradeco estas pravigita, se ĉiuj leĝe konservitaj baroj plene malaperis.

Tio okazis en Brazilujo!

Laŭ C. Bolle, trad E. Leu
(Del. Furth)

(1) Ni esperas ke niaj francaj samideanoj bonvolus ne ofendiĝi de tiu opinio de la aŭtoro kaj ne sendi al ni respondleterojn! (Red.)

## Homara Dataro

16 Septembro. — 1327. Cecco d'Ascoli estas bruligita sur ŝtiparo.

1831. Poeto Silvio Pellico estas liberigita de la malliberejo de Spilberg.

19. — 1881. Mortas Garfield, prezidanto de Usono.

20. — 1519. Forveturo da Ferdinando Magelano al la haveno de San Lucar de Barrameda por la vojaĝo de ĉirkaŭnavigacio.

1854. Venko de la Francoj kaj Angloj super la Rusoj, en Alma (Krimeo).

1870. Papo Pio IX estas senigita de la ŝtata regeco.

1904. Unua internacia kongreso de libera penso.

1861. Proklamado de la unuigitaj ŝtatoj de Kolombio.

21. — 1558. Mortas Karlo V[a] (nask. 24/2 1500).

1576. Mortas en Romo Jeronimo Cardano el Pavio, matematikisto kaj fizikisto.

1798. Naskiĝas en Bergamo komponisto Donizzetti.

22. — 19 Antaŭ Kristo Mortas poeto Publio Virgilio Marono.

1822. Don Pedro I[a] sendependigas Brazilion de Portugalujo.

1814. Naskiĝas en Lubeko Curtius, fama historiisto de antikva Grekujo.

23. — 63 antaŭ Kristo Naskiĝas Kajo Julio Cezaro Oktaviano (mortinta en Nola 19/8 14 post Kristo).

1259. Mortas en Soncino, Tirano Ezzelino da Romano.

1873. Mortas Francisko Dominiko Guerrarri, literaturisto kaj ŝtatisto.

24. — 1814. Mortas en Romo franca arĥeologo kaj numismatikisto d'Agincourt.

25. — 1493. Kolombo forveturas el Kadizo por la dua vojaĝo kaj malkovras Portorikon kaj Jamaikon.

1513. Vasco Nunes supreniras Kordiljeron el kie li ekvidas la maron, kiun li nomas Sudan Maron kaj proklamas ĝian posedon je nomo de Hispanujo.

1631. Mortas en Milano Kardinalo Borromeo.

26. — 1835. Mortas en Puteaux apud Parizo glora komponisto Bellini.

1468. Mortas Gutenberg elpensinto de la moveblaj presliteroj.

1815. Sankta kunligo subskribita en Parizo inter Francujo, Rusujo kaj Aŭstrio.

27. — 1857. Mortas en Parizo ŝtatisto de la Venecia respubliko de 1848-49. Danielo Manin.

28. — 1496. Mortas Monaĥo Bernardo el Feltro elpensinto de la publikaj pruntodonejoj.

1706. Mortas filozofo Petro Bayle.

1871. Publikigo de la leĝo kiu abolicias laŭgrade la sklavecon en Brazilio.

29. — 1902. Mortas en Parizo verkisto Emilo Zola.

30. — 1818. Konferenco de Achen por fiksi la fundamentajn principojn de l'Eŭropa politiko.

1868. Reĝino Izabelo de Hispanujo rifuĝas en Francujon.

1903. Inaŭguro de la transiberia fervojo.

A. Tellini.

## La Faktoj

24 *Aŭgusto*. Nikaragvo. — Generalo Estrada estas proklamita provizora prezidanto de la respubliko.

25 Tokio. — Oni oficiale komunikas la anekson de Koreujo al Japanujo.

26 Bilbao. — Oni proklamas ĝeneralan strikon.

27 Romo. — Alveturo de Venizelos, estro de la helena partio de Kreto, nun elektita deputato de la greka deputataro.

Cetinjo. — Oni inaŭguras la palacon de la registaro kaj la festojn de la jubileo.

Arhem. — Holanda aviadisto Masdy, elfolas de 200 metroj de alteco kaj mortas.

Portugalujo — Ĝeneralaj balotoj.

29 Ĉetinjo. — La princoj de Montenegro solenas la kvindekan datrevenon de sia edziĝo.

— Mortas la Usona filozofo William James.

30 Selisburgo. — Ministro de eksterlandaj aferoj de Italujo, markizo de San Giuliano, konferencas kun grafo Aekrenthal.

Ĉetinjo. — Inaŭguro de itala ekspozicio.

1er *Septembro*. Castel Roso. — Mortas poeto Viktoro Betteloni.

Milano. — Komenciĝas la solenoj pro la tria centjarfesto de Kardinalo Borromeo.

2 Addis-Abeba. — Imperiestro Menelik estas denove frapita de apopleksio.

3 Frouville. — Morane per aeroplano atingas altecon da 2.582 metroj.

4 Chambery. — Oni solenas la 50-an datrevenun de la anekso de Savojo al Francujo.

A. Tellini.

## ESPERANTISTAJ MANIFESTACIOJ

### Esperantaj Tagoj en Kopenhago

Dum la somero la anoj de l'helplingvo per la verdaj steloj en la butontruoj de l'turistoj vidis, ke nun ekzistas pli multe da esperantistoj ol antaŭ kelkaj jaroj. Tial oni ekesperis, ke la eksterlandaj samideanoj venos sufiĉe multenombraj al nia kongreseto por doni al ĝi veran internacian aspekton. La espero estas plenumita. La plimulto el la pli ol cent partoprenintoj estas eksterlandaj. Tio-ĉi certe estas la plej grava momento en la tuta afero, ĉar la kongreso okazis dum la grandega internacia socialista kongreso en nia urbo, kaj ĝiaj delegitoj certe ofte rimarkis kun miro la rezulton de la helplingvo. Kiam la portantoj de la socialista emblemo kunestis la babela konfuzo regis; sed la portantoj de la esperanta emblemo! Jen interparolas holanda sinjoro kaj dana sinjorino tiel intime ke nekredemuloj kredas ke ili estas samurbanoj kiuj longe konis unu la alian; jen franca sinjorino kaj germana sinjoro — se nur la du nacioj estus havintaj tiel bonan komprenilon antaŭ 1871... — Sed se mi daŭrigos la raporton tiamaniere, mi en la proksimaj tagoj ricevos cent leterojn, plendantajn pri mia maldiskreteco.

La oficiala malfermo de la kongreso okazis la 29. aŭg. sed jam antaŭ kelkaj tagoj la plimulto de la fremdlandanoj estis alvenintaj. Ili ankaŭ ĉeestis la plej solenan ceremonion, nome la senvualiĝo de l'memorŝtono sur la tombo de la fervora dana pioniro, F-ino Marie Schroeder, nia unua Delegitino:

> Dankon pro via laboro
> Por alta, kara celo;
> Mem vi restos en memoro
> De anoj de l'verda stelo.

Dum la kongreso ni ofte pripensis tiujn liniojn sur la monumento — ofte pripensis, kiel volonte ŝi nun estus en nia rondo.

Kio okazos dum kongresoj en Kopenhago? Ĉiam: Urbdomo, gliptoleko, Thorvaldsena Muzeo, Tivoli, Skodsbord; sed la partoprenantoj neniam laciĝas, ĉu estas ĝentileco, aŭ ĉu nia urbo efektive estas tiel rimarkinda, kiel oni diras; de nun mi kredas la lastan, ĉar tion oni povis konstati, ke la sentoj de niaj gastoj estis profundaj.

Sed ne ofte kongresanoj aŭdas koncerton tiel, kiel ĝi okazis ĉe Wittmack; granda ĥoro kantis «La Vojo», kaj koncertkantantino *Agnes Melchior* kaj la kantisto *Vilh. Mikkelsen* mirigis la ĉeestantojn per siaj voĉoj. De la aliaj okazintajoj mi nur priparolas — la aŭtomobilekskurson — tra la urbo — dudekdu vagonoj blankaj, ĉiuj kun du esperantaj flagoj portis la kongresanoj ĉirkaŭ la tuta urbo, ĉie kaŭzinte miron kaj admiron. Gravaj kunvenoj komprenеble ankaŭ okazis, precipe la kunveno de la Esp. laboristoj kaj de la Internacia Esp. fervojista Societo, kiu de nun havos sian propran gazeton.

Samtempe kun la kongreso okazis ekspozicio esperanta en la Oficejo de U. E. A. Ĝia sukceso estis tiel granda, ankaŭ inter la neesperantistoj, ke mi volonte skribus longe pri ĝi. S-no *L. Hœst* meritis la multajn laŭdajn vortojn, kiujn ŝi aŭdis dum la pasintaj tagoj.

Kopenhago montris, ke ĝi povas fari kongreseton por la esperantistaro. Entuziasme la eksterlandaj samideanoj ĉe la adiaŭa kunveno ĉe Wivel petis la prezidanton. S-ro *Georg Hinrichsen*, zorgu ke la internacia kongreso tutmonda baldaŭ okazu ĉi-tie. Eble Kopenhago montros, ke ĝi povas ankaŭ fari kongresegon por la esperantistaro. La lasta havu la saman sukceson kiel la unua!

Adobo.

### La kvara Bulgara Esperantista Kongreso

De la 6/19 ĝis 8/21 aŭg. okazis, en Sofia, la IV[a] Kongreso de la bulgaraj esperantistoj.

Ĝi estis granda sukceso, ĉar ĝi fariĝis sub la alta protekto de la ministro de la publika instruado, kaj estis partoprenita de pli ol 250 bulgaraj, rumanaj, 1 germana kaj 1 turka geesperantistoj, kio donis al ĝi pli grandan pezon de nia bonega interkompreniĝo kaj facila kunfratiĝo.

Tie ĉi ni nur mallonge priparolos la faktojn laŭ la programa tagordo.

La 5[an] de aŭg., 10 h — ĉe la ĉefurba stacidomo — alveno de la rumanaj gastoj kaj bulgaraj delegitoj. Inter arego da «vivu'oj» kaj krioj S-ro *Silvestriev* prez. de Bulg. Esp. Ligo kaj post S-ro *Iv. Krestanof*, konata Bulgara propagandisto, diris siajn salutajn paroladojn. La lasta atentigis ke rumanoj kaj bulgaroj estas jam delonge kunigitaj pro la forto de glora historia pasinteco, de internacia solidareco, malofte montrata ĉe aliaj popoloj, kaj krom tio per la komuna ligilo Esperanto, kiu sola povas helpi por la starigo de la delonge revita Balkana konfederacio.

Longaj aplaŭdoj kaj krioj inter kiuj de l'flanko de la rumanaj geesperantistoj S-ro D-ro *Robin*, prez. de R. E. S. kortuŝita ĝis larmoj respondis esprimínte siajn dankojn pro la frata akcepto.

La milita muziko ludis jen «La Espero», jen la rumanan, jen la bulgaran himnojn. Komencis interkonatiĝoj, manpremoj k. t. p. kaj la mirigita publiko sin demandadis «Ĉu Esperanto faris ĉion ĉi tion, ĉu tiu sama Esp. kiun ili ĝis nun ne lernis?...»

En la «Malgranda kazino», kie komencis la tostoj, interbabiladoj, k. t. p. ĝis la 12[a] h. nokte, parolis S-roj Silvestriev, Aktarĝief, Krestanof, Miluta (Rumano), D-ro Robin k. t. p.

La 6[an] de aŭg. je 10 h. okazis la solena malfermo de la kongreso.

Post saluta parolado de S-ro kap. Silvestriev, prez. de B. E. L., S-ro *A. Protič*, la ministra sendito, inter aplaŭdoj kaj «Vivu» diris inter alie... «Mi estas feliĉa ke mi povas prezenti la ministrejon de l'instruo kun universala signifo. Mi povas eldiri la ĝojon de S-ro ministro, ke en lia tempo, post la slava kongreso, Bulgarujo donas ankoraŭ ekzemplon ke ĝi povas eliri eksteren de l'malvastaj naciaj kaj rasaj interesoj kaj manifesti tiajn internaciajn. La lingvo Esperanto havas grandegan signifon k. t. p...» Lia parolado estis tradukita esperanten kaj laŭ ia propono de S-ro Silvestrief estis elektitaj kaj unuvoĉe akceptitaj por kongresa estraro, S-ro Aktarĝiev, prezidanto de l'kongreso, S-roj Uzunov kaj Jordanov, subprezidantoj, kaj S-roj Zah. Iliev kaj Ml. Georgiev por sekretarioj.

Aklame estis elektitaj kiel honoraj prezidantoj de l'kongreso S-ro Muŝanov, ministro de l'publ. instruado kaj S-ro D-ro Robin.

La kongreso post tio decidis ŝarĝi specialan komision pri la redakto de salutaj telegramoj de D-ro Zamenhof, al iliaj R. M. la bulgaraj gereĝoj, al iliaj R. M. la rumanaj gereĝoj kaj al la bonekonata rusa essperantisto S-ro Evstifeieff.

*D-ro Zlatarev*, de la ĉefurba komerca-industria ĉambro en bela parolado konstatis la grandan necesecon de Esp. en la komerca mondo, k. t. p..

S-ro D-ro *Robin* montris Esp. kiel plej grandan helpilon por la kulturo de l'Balkanaj popoloj; S-ro *S. Miluta* (rumano) salutis la kongreson de flanko de l'tipografistoj kaj parolis pri la granda rolo de l'presarto kaj Esperanto en la mondo; S-roj *Mateesco* (rumano) kaj *Timuŝ*, maljuna rumana instruisto diris siajn bondezirojn.

El bulgara parto parolis S-roj Kančev el Ŝumeno, Kirilov, el Harlmanli, Rajčinov el Sofia, Vačev el Haskovo, Čakarov el Ruse, Toŝkov el

Batak, S-ro Iv. Krestanof per sia bela originala versaĵo « Bonvenon Kongresanoj » salutis la kongreson S-ro G. Nikolov, de la bulgara ĵurnalistaro diris belegan paroladon kaj konklude atentigis ke de nun la bulgara gazetaro ĉiam volonte malfermos siajn kolonojn por Esp. Post li parolis S-ro A. St. Uzunov, S-ino Jankova, Todorov, S-ro A. Herbst, germana esp. el Hanovero, vojaĝanta piede per Esp. tra la mondo kaj okaze veninta nian kongreson efikis multe per siaj salutvortoj.

Fine S-ro Iv. Krestanof per mallonga parolado malfermis la *« Esper. ekspozicion »* de li aranĝitan en la salono de la slava bonfaranta societo. Estis ekspozitaj pli ol 3.000 il poŝtkartoj el ĉiuj partoj de l'mondo kaj ĉiuj esper. gazetoj ĝis nun eldonitaj — eĉ la plej malnovaj — afiŝoj, komercaĵoj, k.t.p.

Posttagmeze la kongreso aŭskultis la difinitajn referatojn :

S-ro *Ih. Kanef* parolis pri la temo « La Esperanta idealo kaj la reformoj ». Trarigardinte la projektojn pri reformoj li trovas ilin ne kontentigaj, tial ke anstataŭ simpligon, ili alportas malsimpligon. La parolanto principe estas kontraŭ ĉiu reformo, trovante ke la nuna Esp. estas perfekta. Aliflanke li opinias ke ĉiu reformo antaŭ ĉio malfortigos la kredon en la novan lingvon.

S-ro *Iv. H. Krestanof* parolis pri « La literaturo kaj Esperanto ». Trarigardinte la disvolviĝon de la popoloj, li pruvis ke literaturaj komencoj estas ankaŭ ĉe la plej primitivaj bestoj, ĉar la literaturo ne estas io arta, sed estas natura deveno — ĝi kuŝas en la naturo de l'homo. Post tio li pruvis la grandegan utilon kaj influon de l'naciaj literaturoj kiel lernejo por preparo de l'sociala vivo kaj precipe atentigis al l'internacia literaturo, kiu ĉiuflanke riĉigas kaj lumigas la homon. Ĉiu konscienca kaj saĝa homo devas klopodi havi ankaŭ internaciajn apud la aliaj diversaj verkoj. Li kunligis la literaturon movadon kun tiu de Esp. pruvinte ke la lasta estas plene taŭga por ĉiuspecaj literaturaĵoj, malgraŭ sia simpleco, kaj ke la Esp.-istoj devas zorgi plej multe ĝin riĉigi per tradukoj kaj poste per originalaĵoj. Li parolis ankaŭ pri Esperanto aparte, pruvinte Esp. kiel ia ora ponto povas servi por la diskonigo de la malmulte konataj balkanaj literaturoj kaj invitas balkanajn Esp.-istojn sin okupi pri la fondo de Balkana literatura Esp. Rondo, kiu zorgu pri la tradukado de la plej bonaj balkanaj verkistoj kaj la eldonadon de balkanaj antologioj aŭ komuna literatura balkana revuo.

*S-ro Iv. Nenkov* parolis pri la sukcesoj de Esperanto bazante sin sur faktoj.

La 7 aŭg. 20 okazis vizitado de la vidindaĵoj de Sofia. Poste raporto de la komitato pri rajtigleteroj ; raporto de la liga estraro kaj de la redakcia komitato ; debatoj, revizio de la regularo liga ; akcepto de regularo pri liga biblioteko ; buĝeto ; elekto de nova liga estraro. Vespere okazis gaja memorinda festo en la « Oficira klubo ».

Dum la kunsidoj de la 7a aŭg. okazis nedezirita bedaŭrinda akcidento kun la delegitoj de l'Tirnova esp. grupo, kiuj forlasis la kongreson kaj la grupo estis kalkulita kiel neesperanta !...

La 8an/21 de aŭg. okazis diskutoj pri la organo kaj la kongreso esprimus la deziron ke la organo de B. E. L. kaj tiu de R. E. S. estu en unu sola gazeto !

Okazis ankaŭ la elekto de la nova liga estraro, kaj dankoj estis esprimitaj al la malnova.

La nova konsistos el : Prez. S-ro Aktarĝiev, subprez. S-ro Jurdanov, sekret. kas. S-ro Th. Kaneff, konsilanoj : S-ro Vaĉev kaj S-ro Teodorov ; kontrola komitato : Oreŝkov, Terckiev, Baĉvarov ; red. kom. : Atanasov, Popov kun kelkaj kunlaborantoj el la plej bonaj bulgaraj esperantistoj.

Poste okazis memorinda ekskurso en Kŭjajevo, per kiu finiĝis la kongreso. Entute, sukcesplenoco !

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

*OFICIALA INFORMILO*

### ADMINISTRA FAKO

**Diversaj Avizoj**

⁂ La *Oficiala Bulteno* (No 8) estas nun dissendita. Ĝi rilatas al la voĉdonado pri la nova Statuto kaj la kotizaĵoj proponitaj de la Kongreso, pri elekto de konsuloj por studento kaj konsuloj por Laboro, konforme al la deziresprimoj de la kongreso. Ni publikigos en nia venonta No la rezultatojn de tiu voĉdonado.

⁂ La venonta *Oficiala Bulteno* (No 9) enhavonta detalajn informojn pri la nova administrado estos sendata dum oktobro kun ĉiuj necesaj dokumentoj por la agado de la Del. dum fino de 1910 kaj 1911.

**Etato de la Esperantianaro.**

Je la Ia de septembro la etato de la membroj de U. E. A. estis jena :

| | |
|---|---|
| Sumo je la 1a de Majo | 6.975 |
| Novaj membroj (Del. Majo ĝis 1 septembro) | 715 |
| Sumo de la membroj | 7.690 |

Regula kreskado de la membraro :

| | |
|---|---|
| Januaro | 5.462 |
| Februaro | 5.649 |
| Marto | 5.922 |
| Aprilo | 6.553 |
| Majo | 6.965 |
| Junio-Septembro | 7.690 |

Meznombre, laŭ la supra tabelo, la kresko de la Esperantianaro estis *9 membroj tage.*

**Citoj.**

38. S-ro Duckers, Del. en *Carlisle*. Nerespondo al Oficialaj Bultenoj ; nesendo de raporto (1a Cito).

36. S-ro Ĉif-Toŝio, Del. en *Tokio*. Nerespondo al informpetoj (2a Cito).

**Eksigoj.**

34. S-ro de Hosson, Del. en *Dordrecht*, nerespondinte informpetojn, nek oficialajn leterojn, estas konforme al § 19., forstrekita el la listo de niaj Del.

**Novaj Delegitoj.**

Ĝis la 5. septembro estis elektitaj la jenaj Del. :

Ansbach (Bavarujo). — S-ro Karl Junge, Buchhandlung Seybolds.

Bahia (Brazilujo). — S-ro Magnus Sondahl, Inspectoria d'Agricultura.

Barrow-in-Furness (Nord-Okc. Anglujo). — S-ro W. H. Symons, 58, Hodler St.

Bobrov (Centra Rusujo). — S-ro V. Maximov.

Detenice (Bohemujo). — S-ro J. Novak, Hor. Bokytnany. (Subdel. depend. de Jiĉin).

Draguignan (Suda Franc.) — S-ro G. Toucas, Esplande 6.

Encantado (Brazilujo). — S-ro Querino de Oliveira, R. Marqui 1, I.

Gœtenborg (Svedujo). — S-ro C. Ohlsson, Længgatan 32.

Hluk (Moravio). — S-ro Jos- Socha.

Ilfeld (Centra German.) — S-ro Hubert Wendt.

Kairo (Egipto). — S-ro D-ro H. Ŝipek, Hôtel Continental (de oktobro).

Kristiansund (Norvegujo). — S-ro Enge Bjorn.

Kromeriz (Moravio). — S-ro J. Minks, prof.

Langebrück (Saksujo). — F-ino Ungar, Bergerstr. 9. — VD. : S-ino Seebe, Bergerstr, 9.

Rattwik (Svedujo). — S-ro E. Ekenberg, staciestro (Subdel. dep. de Falun).

Telĉ (Moravio). — S-ro F. Kaŝaly, prof.

Upsala (Svedujo). — S-ro E. Finn, Vaksalagatan 15.

Wilton (Iowa, Usono). — S-ro H. Newton Lang.

Entute 955 lokoj.

ŜANĜOJ. — Buenos-Ayres : La adreso de la Del., S-ro Gerardo Muinos estas Casilla de Correo 737. — Rocroi : La adreso de la Del., S-ro J. Héripet, estas nun ĉe S-ro L. Leroy, Caldessarts, Namur (Belgujo). — Davos : La Del., F-ino Herzog, loĝas nun Bahnhofstr. 3. — Crefeld : La Del. estas nun S-ro A. Bœrgermann, Obertrs. 72. — Zaragoza : Pro eksiĝo de la antaŭa Del., nova balotado okazis ; ĝi donis la jenajn rezultatojn : Balotilôj ricevitaj : 14. Del. : S-ro Maynar Barnolas, 14 ; Montagut, 1 ; Jordana, 1 ; Grino, 1 ; Cidraque, 1. — S-ro Maynar Barnolas, estas do Del.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Kielce : *Pola Esperantista Societo.*

Sydney : *Ĥemiistaj kaj drogaj produktajoj.* S-ro Burroughs Wellcome.

Toulouse : *Grupo Esperantista.* P. : G. Chalot. S. : L. Beaumel. Adr. : rue Mage 7.

### TURISMA FAKO

**Gvidfolioj.**

En la lasta tempo aperis gvidfolioj tra Gibraltar, Portsmouth, Bruxelles, München, Hannover, Moskvo, Grenoble (2a eldono). Entute 47 gvidfolioj.

**Avizo.**

Ni tre rekomendas al la Del. kaj turismaj konsuloj, ke ili ĉiam havu kajeron, sur kiun ĉiuj trapasantaj Esp.-ianoj enskribos sian nomon, devenlokon kaj tagon de alveno. Tio ne nur estos bona rememoraĵo por la Del., sed ankaŭ utila informilo por nia ĉiujara statistiko.

### JUNULA FAKO

*Interŝanĝo.*

65. S-ro D-ro Moritz Spanier, filologo. Adr. : Konigstr. 65. Magdeburg (German.) dez, interŝanĝi sian filinon kun nobla hebrea familio (komforta vivtenado !), se eble en Paris, pref. en Esp. familio. Pri la daŭro de la restado, k. t. p., oni interkonsentu kun D-ro Spanier, Esp. aŭ france. La plej bonajn referencojn povos doni la Del. S-ro F. Rockmann, Buckauerstr. 14.

## Esperantia Biblioteko

**Paroladoj Privat.**

Diversaj personoj petis nin pri la teksto de la rimarkinda parolado de nia samideano Privat ĉe la Augsburga Kongreso. Ni povas ilin informi, ke tiu parolado baldaŭ aperos kiel broŝuro en nia nova *Esperantia Biblioteko*. Al ĝi estos aldonata la teksto de la parolado de S-ro Privat ĉe la Barcelona Kongreso.

**Kongresa Dokumentaro.**

Ĝi estos sendata en la fino de septembro. Prezo : 50 Sd. afranke. La nombro de la presotaj ekz. estas limigata. Tiu dokumentaro, utilega al ĉiuj fervoraj Esp.-ianoj, enhavas la tekston de la 27 ĉiutemaj raportoj diskutitaj dum la Kongreso, la protokolaron de la kunvenoj kaj la liston de la Kongresanoj.

**Propagandaj broŝuroj pri U. E. A.**

La nova teksto estas preparita kaj komence de novembro aperos la eldonoj en lingvoj angla franca, germana. Ni petas, ke niaj amikoj pacienciĝu ! Ni informas, ke la antaŭa provizo de francaj kaj germanaj broŝuroj estas tute elĉerpita.

## La Kongreso en Washington

### KELKAJ IMPRESOJ

*Hamburg, 12an septembro.* — Hodiaŭ la Hamburg'a esperantistaro, al kiu kuniĝis samideanoj de Lübeck, havis la grandan honoron akcepti nian majstron kaj S-inon Zamenhof, revenantajn el Washington. Kun ili estis ankaŭ S-ino Hankel kaj F-inoj Jahns el Braunschweig. Granda akcepta festo, okazis en la kunvenejo Alsterlust. S-ro de Ladevèze, anstataŭante la prezidanton de la grupo, D-ron Mybs, salutis D-ron Zamenhof, kiu dankis per afablaj vortoj kaj, iom laca pro la vojaĝo, transdonis la parolon al S-ino Hankel. Nia ĉiam vivplena kaj ĉarma *Reĝino*, diris la bonan impreson kiun ŝi ricevis de la Kongreso kaj ŝian esperon ke kvankam la nombro de la partoprenantoj ne estis tiel granda kiel en la aliaj Kongresoj, ĝi estos grava paŝo antaŭen por nia afero en Ameriko.

Kvankam la loko al ni mankas por detale raporti hodiaŭ pri la kunvenoj kaj festoj, ni volas tamen sciigi ke la teatra prezentado, kiu okazis ne en iu halo, sed en natura teatro, sub libera ĉielo kaj kun bonegaj aktoroj gajnis grandan entuziasmon. Ankaŭ de la bonega koncerto kaj de la promenadoj aranĝitaj de niaj usonaj amikoj, speciale sur la mirinda Potomac, la kongresanoj kunportis hejmen plej bonan rememoron.

Plej notindaj faktoj estas ke granda nombro de oficialaj delegitoj de registaroj (eĉ de Persujo kaj Ĥinujo ĉeestis) ; ke la kongresanoj estis tre kore akceptitaj en la Blanka Domo, de la anstataŭanto de Prezidanto Tat, forestanta ; ke la Delegito de Brazilujo informis ke unu oni instruas Esperanton en preskaŭ ĉiuj lernejoj. Fine ni havas la plezuron sciigi ke nia agema Del. en Hamburg, S-ro D-ro Vogler, membro de la Komerca Komisiono de U. E. A. ricevis pro verkaĵo pri komerca temo premion donacitan de la Washington'a Komerca Ĉambro.

## Esperantiaj Informoj

**Aarau** (Svisujo). — Okaze de la kunsido de la Svisa Esperanta Societo, okazos neoficiala kunveno de la Esperantianoj de la distrikto Svisujo, kun la ĉeesto de S-ro Hodler, Vicprez. de U. E. A.. kaj de S-ro J. Schmid, Distrikta Delegito. La kunveno okazos dimanĉon 2 oktobro, je 4 h. ptm., tuj post la kunveno de S. E. S. Ĉiuj Esp-ianoj estas kore invitataj.

**Amsterdam** (Nederlando). — Estis aranĝita Esp. ekspozicio dum septembro, en la celo diskonigi la jamnunan disvastiĝon internacian de Esperanto kaj de ĝiaj institucioj, super ĉio U. E. A. Ĉiuj grupoj, kiuj bonvolos ankoraŭ sendi ian Esperantaĵon (jurnalo, cirkulero, prospekto, k. t. p.) ricevos tuj karton surhavontan fotografaĵon de l'Amsterdama grupo.

**Auxonne** (Francujo). — La manko de loko malhelpis nin pli frue raporti pri la Esp. festo, okaze de kiu nia komitatano S-ro Th. Rousseau faris paroladon pri Esperantismo kaj U. E. A. Sekvis kunveno de la ĉeestantaj Burgonjaj Esp.-ianoj, dum kiu estis decidite : 1e Eldoni afiŝojn kun la nomoj de la Esp-Of. kaj Burgonjaj Del. por la stacidomoj, hoteloj. k. t. p. ; 2e fari kunvenon de la Burgonjaj Del. je ĉiuj festoj kaj ekskursoj organizitaj de la Burgonja Esp. Federacio.

**Barcelona** (Hispanujo). — Sukcesa ekskurso de la Esp-ia grupo « La Rondo » kun kelke da invititaj grupoj al « San Bandilio de Llobregat » ; ĉirkaŭ 150 partoprenintoj.

**Bath** (Anglujo). — Bona artikolo pri nia Kongreso aperis en « The Bath Herald ».

**Bjelovar** (Kroatujo). — Serio de artikoloj en Esp. por U. E. A. aperis en la kroata gazeto « Tjednik ».

**Bukarest** (Rumanujo). — Estis sukcese malfermita Esp. kurso organizita de Esp. komercoficista societo « Espero kaj Progreso ». Ĉe tiu okazo nia fervora Del., S-ro E. Nicolau, faris paroladon pri la utileco de Esp. por komerco ; li aludis pri U. E. A. kaj montris kiel la komercofistoj povas interrilatiĝi kun alilandaj kolegoj pri siaj komunaj aferoj. Fine li legis kelkajn leterojn ricevitajn de la kolegoj samideanoj anglaj, francaj, germanoj.

**Celebes** (Nederlanda Hindujo). — Nia Del. en Totok, insuloj Celebes, sendis al ni interesan raporton pri la stato de nia movado en Nederlanda Hindujo. Laŭ liaj informoj ŝajnas ke oni povus tie fari utilan agadon. Ĉefa malhelpo estas la manko ds Esp- lerniloj en Malaja lingvo, kiu estas kvazaŭ la internacia lingvo de Ekstrem-Oriento. Ni esperas, ke baldaŭ unu el niaj eldonistoj forigos tiun mankon kaj ebligos disvastiĝon de U. E. A. en tiuj landoj.

**Essen** (Germanujo). — Nia nova Del., S-ro Pillath, faris paroladon pri Esperantismo kaj U. E. A. La « Rheinisch-Weltsælischer Anzeiger » bone raportis pri ĝi.

**Genève** (Svisujo). — La *Journal de Genève* publikigis bonegan artikolon pri la Kongreso de U. E. A., verkitan de S-ro Ed. Privat.

**Grenoble** (Francujo). — La Universitata Komitato donis monhelpon da 40 Sm. por eldono de Universitata Gvidfolio, anstataŭ la 20 petitajn. Tio pruvas denove, ke niaj Del. povas facile ricevi tiajn helpojn, kiam ili petas ilin por preciza praktika celo, ne por la ideo de lingvo internacia — kiel tro multaj ankoraŭ faras.

**Harmanli** (Bulgarujo). — La tiea Vicdel. avertas la Del. de Bulgarujo, Turkujo, Rusujo, k. t. p., ke ili bonvolu ne fidi al Esp-isto turklanda, parolanta ankaŭ rumane kaj ruse, kiu trouzis la konfidon de la tieaj samideanoj kaj estas serĉata de polico pro ŝtelo.

**Konstantinoplo** (Turkujo). — Nia ideo ankaŭ tien komencas penetri. Nia Del., elektita sekve de ekskurso de Rumanaj samideanoj, malfermis kurson, en kiu partoprenas Persoj, Grekoj, Germanoj, Italoj, Francoj kaj Rusoj — la pura mikso de Babelturo. Ni deziras bonan sukceson.

**Kostroma** (Rusujo). — Dum la kursoj de ĝenerala instruado aranĝitaj de l'Gubernia Zemstvo, dek vilaĝaj geinstruistoj aliĝis al U. E. A.

**Moitland** (Aŭstralio). — « The Maitland Daily Mercury » enhavas oftajn artikolojn pri U. E. A. ; en ĝi aperis la plena raporto pri U. E. A. ĉe la mondkongreso de la Int. Asocioj, anglen tradukita de nia Del., S-ro Pryke.

**Mexico** (Meksikujo). — La gazeto « El Tiempo » publikigis serion de artikoloj pri U. E. A. kaj ĝiaj servoj.

**Rio-de-Janeiro** (Brazilujo). — Unu el la plej ŝatataj ĵurnaloj de Rio. « Gazeta de Noticias » komencis la publikigon de duonsemajna dukolona Esp. sekcio (Esp. kaj portugale) ; aperis jam kelkaj artikoloj pri U. E. A. — La gazeto « Marinha Mercante » raportas, ke per la Del. de U. E. A. ĝi ricevis utilajn informojn pri sistemo internacia de buoj kaj lumturoj.

**Roznov** (Moravio). — Okaze de kunveno de Bohema Esp. Asocio en kuracloko Luhaĉovice, S-ro Krumpholc faris belan paroladon pri signifo de Esperantismo, U. E. A. kaj ĝiaj servoj ; multaj diversnaciaj vizitantoj de la dirita kuracloko interesiĝis al Esp.

**Tacoma** (Usono). — Sukcese disvastiĝas nia afero en Okcidenta Usono. La Komerca Klubo de Portland, entuziasmigita per la rezultatoj de sia peresperanta reklamo, invitis la Esp-istojn de la ŝtaton Oregon kaj Wasington ; oni tie fondis Esp. societon, kiu fariĝis Esp-ia Asocio. La dirita Klubo ankaŭ publikigos Esp. gvidlibron pri Okcidenta Usono.

**Vitkovice** (Moravio). — Esp. Ekspozicio estos aranĝata en la « Ĉeà domó ». Oni petas pri alsendo de ĉiuspecaj Esperantaĵoj.

**Zaragoza** (Hispanujo. — Bonega artikolo pri nia Asocio aperis en la « Correspondencia de Aragon », verkita de nia Del. S-ro Mainar Barnolas.

⁂

Ni kore dankas la Delegitojn, kiuj havis la iniciatemencon verki artikolon pri la Augsburga Kongreso por la lokaj gazetoj.

Ni rememorigas, ke oni bonvolu ĉiam sendi al ni unu ekz. de ĉiuj ĵurnaloj, kie aperas artikolo pri U. E. A., kia ajn estas ĝia longeco.

## Esperantia Parolejo

**Aviado-Esperanto**

Eble multaj el la legantoj de « Esperanto » jam scias, ke la franca gazeto le *Journal* organizas dum venonta somero internacian aviadan konkurson. La partoprenantoj faros la jenan vojaĝon : Parizo-Berlino-Bruselo-Londono-Parizo.

Tre verŝajne el ĉiuj partoprenontoj eble neniu el ili scias la lingvojn de tiuj kvar landoj : franca, germana, flandra, angla. Nu ! karaj samideanoj el ĉiuj Eŭropaj landoj, profitu tiun mirindan okazon, por plej vigle propagandi nian karan lingvon precipe apud la aviadistoj ; tre certe dum ilia vojaĝo ili bezonos paroli kun ne samlingvanoj kaj ne povante lerni ĉiujn lingvojn, ili devas lerni Esperanton. Sed tio ne sufiĉos, ĉar estas tute necese ke en la trapasitaj landoj ili estu certaj trovi esperantistojn kun kiuj paroli. Eĉ ŝajnas al mi, ke la urbestraro, almenaŭ la urbestro akceptonta la konkurantojn, devos povi paroli Esperanton. Jen tasko, kiun niaj samideanoj ne devas forgesi. Varbi al Esperanto la publikajn oficistojn, la aviadajn societojn kaj ankaŭ la kamparanojn, kiuj dum la traaera vojaĝo povus pro alteriĝo de la aviadistoj, esti devigataj paroli kun ili. Sed kiel fari se la kamparano parolas germane kaj la aviadisto france aŭ itale ! Per Esperanto ili povos facile sin komprenigi.

El ni ĉiu povas varbi en sia rondo, kaj baldaŭ la gloraj konkurantoj ne estos devigataj (kiel la hejtisto de Moisant apud London) paroli per gestoj !

**Por forestemaj Delegitoj**

Mi deziras atentigi la Esperantianojn, pri tio ke la adresoj de iliaj leteroj al Del. estas ofte tro malklaraj aŭ mallongaj. El tio venas multaj malagrablaĵoj.

Kiam adreso nomas la ricevonton sen titolo, kiel privata letero, se la ricevonto forestas, la letero atendas kviete lian revenon. Se kontraŭe, ĝi nomas la titolon : Del. de U. E. A. la ĉirkaŭantaro de la Del. (aŭ la leterportisto se li estus avertita) scius ke estas oficiala letero, kaj transdonus ĝin al la vic.-del., la natura anstataŭanto.

Aliflanke, la Del., kiuj forlasas siajn hejmon pro ia motivo, devus antaŭzorgi por garantii la akuratecon de la korespondado. Kelkaj vortoj al la leterportisto, al la domgardisto aŭ al la parencoj povas eviti malagrablaĵojn al la korespondantoj.

Freŝaj malplezuroj estas la kaŭzo de miaj pripensoj pri tio. Ĉiuj ni suferis aŭ povas suferi pri la tro granda simpleco de la adresoj aŭ pri la foresto de la Del. Tial mi deziras ke la Del. bonvolu, firmigi sian servon en ĉiuj okazoj, kaj ke iliaj korespondantoj skribu la titolon « delegito de U. E. A. » sur adreso al reprezantanto de U. E. A.

L. Rigault (Del. Beaune).

**Dankoj**

Mi skribas al vi speciale por publike danki la anglajn Del. de U. E. A. de kiuj mi petis, kaj ricevis utilajn kaj afablajn servojn : Mi deziris sendi mian filineton Anglujon por lerni la anglan lingvon. Dank'al la multaj kaj precizaj informoj ricevitaj el la Del. de Eastbourne, pri la urbo, la kosto, la moraleco de la familio mi elektis tiun urbon. Kiam mi alvenis por konduki mian filineton, la Del., kun alia samideano, atendis min, ne en la stacidomo, sed en malproksima urbo : Newhaven al la enŝipejo por helpi miajn unuajn paŝojn en fremdan landon. En Lewes atendis la sekretario de la urba grupo por saluti min al la stacidomo. Poste en Eastbourne la grupanoj speciale kunvenis por kore akcepti min. En Londono sama afero okazis al mi en la U. E. A. Oficejo kaj en la Londona Centra klubo.

Mi estis feliĉa konstati la efektivan solidarecon kiu kunligas la membrojn de nia kara Zamenhofa familio kaj pensis esti ne en Anglujo sed en Esperantujo. Mi kontraktis ŝuldon kiun mi ne forgesos, kaj estos feliĉa pagi al aliaj esperantianoj kiam mi povos.

E. Souchay (Esp.-iano Parizo).

**Vorta demando**

En antaŭa No de via estiminda gazeto mi legas, ripetite, la vorton *anarkio* uzatan je signifo de malordo, malpaco, konfuzeco. Mi scias ja ke tio estas la kutimo de iaj nacilingvaj partioganoj, sed ne estas kredeble ke ĵurnalo skribitâ en lingvo kiu pretendas al klareco kaj precizeco, imitu tian eraran kutimon. Kia ajn estus la opinio de ĉiu pri anarkio, estas neeble doni la signifon *malordo* al teorioj moralo-sociaj kiuj havas kiel celon konfesatan la starigon de ordo harmonia kaj sendeviga anstataŭ la malordo nuna. Tio rezultas el la propraj vortoj de l'skribanto, kiu diras ke anarkio regas en la eŭropa familio, dum ĉiu scias ke la deziro de anarkianoj estas ĉesigi tiun staton de malpaco. Estas libere kredi kaj diri ; Anarkio estas utopio, aŭ eĉ : anarkio kondukus al malordo, sed ne estas eble, *en Esperanto* konfuzigi, intence aŭ ne, la vortojn je nesimilaj signifoj. Petante insiste la enpreson de tiu rektigo, k.t.p.

Marcelo Verema.

**Atentigo !**

Samideanoj veturantaj aŭ ŝipirantaj Dalmatujon, atentu ! Se vi vojaĝos tien kun via bela kvinpinta steleto, vi vidos verŝajne multe da slavaj okuloj vin rigardi suspekte ; eble iu kuraĝa viro petos malafable de vi sciigon pri via steleto, kaj povas ankaŭ okazi ke tro fervora policano vin trudu kaŝi zorgeme ĝin !

Ĉu vi volas scii la kialon de tio ?

Nia kvinpinta stelo similas domaĝe al insigno de nacia itala partio en Dalmatujo, k. c. La plimulto el la slava popolo estante kontraŭitala kaj domaĝe, ne tolerema (precipe la malklerularo) oni komprenas facile tion kion mi diris antaŭe. Do mi konsilas miajn samideanojn kunporti, en tiuj maltoleremaj lokoj, steletojn kun enpresaĵo : Esperanto, U. E. A. aŭ alia moto kiu povos klarigi per si mem la celon de nia paca kaj amata insigno.

O. Nanni (Del. Sebeniko).

## VARIETEA MONDO

**Augsburga Kongreso**

Okaze de la Kongreso de U. E. A., la ligo ankaŭ aranĝis la unuan kunvenon de l'konsuloj la 30 Julio en « Drei Mohren », Augsburg.

La unuan fojon nia samideanaro havis okazon, ĉeesti al kunveno de ĉi-tiu interesa Esp. organizo. Tial ne estis mirinde, ke la tuta kunvena salono je l'komenco de l'kunsido estis tute plena de samideanoj, interesiĝantaj por nia ligo. La celo de l'kunveno estis duobla. Unuflanke oni volis veki la intereson de l'gekongresanoj por la ligo, kaj aliflanke oni volis pripa-roli internajn demandojn pri la agado de l'konsuloj.

Post la salutparolado de l'liga sekretario al la kunsido, kiun ĉeestis 10 konsuloj inter 60 ĉeestantoj parolis S-ro Gottgetreu, Hannover, konsulo de V. E. L. pri : La V. E. L. kaj la Esp. movado, poste S-ro urbdelegito E. Stark, Hannover, pri Esperanta instruado en la V. E. L. kaj fine S-ro Linse pri : La propagando agado de l'konsuloj en artistaj rondoj. Pro la graveco kaj intereso, de tiuj du unuaj temoj por la publiko, ni detale publikigos tiujn paroladojn.

Poste D-ro Kandt, Bromberg atentigis denove je la graveco de l'V. E. L. kaj petas ĉiujn samideanojn ke ili kunlaboru, kunhelpu, ke la V. E. L. ankaŭ estonte kresku kaj floru, ĉar tiam ankaŭ la tuta esperanta movado ankoraŭ pli rapide kreskos kaj disvastiĝos S-ro Bigalke, redaktoro de l'Varietea Mondo, petas la samideanojn, ke ili ne rifuzu sian helpon tial ke la liganoj estas artistoj. Prave li klarigas, ke la tuta Varietea teatro dum la lastaj tridek jaroj tiel evoluciis, ke oni ne povas kompari la hodiaŭan artistaron kun la iama cigana popolo. Tre atente oni aŭskultis ĉiujn paroladojn kaj granda aplaŭdado sekvis post ili. S-ro Linse fine dankis ĉiujn paroladintojn kaj fermis la sukcesriĉan kunsidon.

**La V. E. L. kaj la Esperanta Movado** (1)

Tre estimataj samcelanoj !

Komparante la karan al ni ĉiuj aferon « Esperanto kaj Esperantismo » kun grandega ŝipo, kiu ne kiel teruriga milita ŝipo aŭ Dretnoto, sed kiel vojaĝa kaj transporta ŝipo, ŝarĝita per paco, amo kaj frateco, traveturas la vastajn marojn de la tuta mondo, mi intencas atentigi vin, ke komence de la nuna jaro sur tiu ŝipo oni hisis novan velon, destinatan plicertigi kaj plirapidigi la iradon de nia ŝipo. Kiel sur bona ŝipo ĉiu velo havas sian apartan nomon, ankaŭ al tiu velo oni donis ĝian nomon, mallonge esprimata per la literoj V. E. L., nome Varietea Esperantista Ligo.

Kaj jam pruvis tiu-ĉi velo ke ĝi tre bone taŭgas por nia ŝipo. Fondita antaŭ ne pli longe ol ses monatoj de niaj estimindaj samideanoj Karlo kaj Kamilo Schwarz, la V. E. L. nun jam havas pli ol 200 membrojn. Streĉita per favora vento la velo servis porti la nomon Esperanto en rondojn, kiuj pli ol multaj aliaj taŭgas, uzi kaj plivastigi la nomon kaj la ideon de l'Esperantismo. Kvankam ankoraŭ antaŭ ne pli multe ol 50 jaroj apenaŭ oni kalkulis inter la artistoj la reprezentantojn de la amuza arto, tiu-ĉi arto nun estas respektata kiel la deka muzo, la amuza muzo, destinata kaj kapabla gajigi kaj kvietigi la trostreĉitajn nervojn de la nuntempa homaro. La reprezentantoj de la deka muzo, la gevarieteanoj, trovojaĝas pli ol la plej multo de l'aliaj homoj tutan la mondon, kaj estas devigataj, paroli hodiaŭ france, angle, germane, morgaŭ itale, ruse, hispane, eĉ japane kaj ĥine, ĉar ne nur ili « laboras », kiel ili mem nomas sian okupadon en preskaŭ ĉiuj landoj de l'mondo, sed ankaŭ la interrilatoj al kolegoj, al teatroj estraroj, al helpantoj, k. t. p., donas al ili okazon, sperti kaj pruvi ĉiutage, kiel ĝena, malhelpa kaj malprofita estas la malsameco de la lingvoj.

Laŭ mia opinio la Esperantistoj trovas en la gevarieteanoj tre konvenajn, oportunajn kunlaborantojn, ĉar ili mem treege bezonas unu solan lingvon, kaj povas ĝin uzi ĉiutage kaj pli enkonduki ĝin inter la kunartistoj de la tuta mondo.

Do, samideanoj, interesiĝu ankaŭ vi pri la varieteanoj, kaj serĉu okazojn, atentigi la geartistojn kaj la teatrajn geestraranojn pri la utileco, uzebleco kaj neceseco de nia kara lingvo.

Kaj kiel al nova, alveninta la unuan fojon al nia kongreso kamarado, mi diras bonvenon kaj bondezirojn al li, kaj petas vin, amike saluti la velanaron. La Varietea Esperantista Ligo, la V. E. L., ĝi vivu, kresku kaj floru !

**Anoncoj**

Krom la supre priskribita publika liga kunveno okazis du internaj konsulaj kunsidoj, dum kiuj estis prenitaj gravaj decidoj, pri kiuj ni detale raportos aliloke. Jam hodiaŭ ni anoncas, ke de la oktobro 1910 ni havos propran oficialan gazeton, eldonitan kune kun Germana Esperanta Gazeto (komence du paĝoj). Ĉi-tie ni publikigos ĉiujn oficialajn sciigojn por membroj kaj konsuloj, ĉiujn privarieteajn aferojn, k. t. p. Krom tio en nia estonta nova liga-gazeto ni publikigos la plej gravajn anoncoj por la konsuloj. Ankaŭ dum la nova jaro ĉiuj aktivaj membroj de V. E. L. estos Esperantianoj. En ĉi-tiuj rilatoj bonvolu kompari la 1-an N-on de nia nova liga gazeto en No 19 de G. E. G. de la 8-a de Oktobro.

⁂

Pro manko da loko ni publikigos la liston de l'novaj liga-konsuloj en la plej proksima numero.

⁂

Pro malsano de l'liga ĉefsekretario ni bedaŭrinde ne povis tuj respondi al ĉiuj leteroj alvenintaj dum la dua duono de Aŭgusto. Ni petas pro tio pardonon kaj esperas, ke ni baldaŭ povu ĉion finigi.

La liga-oficejo, Leipzig,
Kurprinzstrato 22 III.

(1) Parolado farita de S-ro Paul Gottgetreu, Hannover, okaze de l'konsula kunveno en Augsburgo.

## AL NIAJ LEGANTOJ

*Por respondi diversajn petojn, ni informas niajn ne franclingvajn legantojn, ke en ĉiuj franclingvaj landoj ESPERANTO aperas ĉiam kun france redaktita dupaĝa aldono (do entute je ses paĝoj). Tiu aldono enhavas multajn artikolojn propagandajn pri Esperantismo kaj U. E. A., informojn pri niaj progresoj en francaj landoj, ekzercojn, konkursojn, k.t.p. En Francujo kaj franclingva Svisujo kaj Belgujo la prezo estas sama kiel por la Esperanta eldono. Por aliaj landoj la abono al ESPERANTO kun franca aldono kostos 2 Sm. (anst. 1,60 Sm.). La personoj kiuj dezirus ĝin ricevi bonvolu noti tion. Nunaj ne francaj abonantoj dezirantaj ricevi tiun aldonon sendu al ni la diferencon, t. e. 40 Sd.*

N.-B. — La franca aldono de 5 oktobro aperos po 4 paĝoj (kun la Esperanta teksto 8 paĝoj). Ĝi enhavos plej riĉan materialon por propagandistoj kaj estos precipe tre utila je la malfermo de la kursoj. Ni tre konsilas al niaj fremdaj Delegitoj komprenantaj la francan lingvon ĝin mendi. Prezo : 8 Sd. por ne abonantoj.

⁂ Pro manko de loko ni estas devigataj prokrasti la *Esperanto-Movado* ĝis la venonta numero.

martre, *Paris*; Presejo de Esperanto, 15, rue Amiral-Roussin, *Dijon* (Francujo); C. kaj G. Browne, Wellington St., Strand, *London* (Anglujo); Germana Esperanto-Librejo, Sterwarte, *Leipzig* (Germanujo); Librejo Saharof, Tverskaja 29, *Moskvo* (Rusujo).

# ANONCETOJ

## TARIFO

Korespondado. — *Unu enskribiĝo* $ *0.30 (fr. 0.75).*

PI = *poŝtkartoj ilustritaj*; L = *leteroj*; PM = *poŝtmarkoj*.

Petoj & Proponoj; Komercaj reklamoj. — *Unu linio 40 literoj* : $ *0.15 (fr. 0.40).*

*Por ĉiuj anoncetoj, rabato da 10 % por 3 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj, 50 % por 24 enpresoj.*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata, antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝtkuponoj.

## Korespondado

Penza (Rusujo). — Sro V. V. Grigoriev, Suvorosvkaja 31.

San Cristobal (Venezuelo). — Sro Efrain Garcia Lozada. — Sro F. T. Lara. L. PI

Valencia (Hispanujo). — Sro A. V. Gonzalez, Roteros 10. PI. PM. — Sro J. Ventura, Roteros 10-12. PI. — Sino Maria Perez, kaj Asuncion Perez, St. Pelajo 30. PI.

Chateau-Landon (Francujo, Seine-et-Marne). — Sro Engelman, ĉe Sro Picard, hameau des Gathiers. PI. (kun alilandanoj).

Pribram II (Aŭstrio, Bohemujo). — Sro Rudolf Vambera, stud., Nova, ul. ĉ. 43. — Sro F. Ŝilka, stud., Skodova ul. ĉ. 3. PM.

Leipzig R. (Germanujo). — Fino Marta Liebing, Gemeindestr. 12. PM.

Munchen (Germanujo). — Sro Karl Meyer, Schellingstr. 18 (dez. kor. pri Bahaismo).

Bodenbach (Aŭstrio, Bohemujo). — Sro Bruno Sundermann, Bodenbach, 222. PI.

Praha-Zizkov (Aŭstrio, Bohemujo). — Sro J. Laibet, Jaglenska ul. 1154.

Aidin (Turkujo). — Fino Marie Guéron, Banque Ottomane. PM. PK.

Ribinsk (Rusujo. Jaroslav. Gub.). — Sro Z. Mikulskij Krestovaja, 21. PI. PM.

Braunschweig (Germanujo). — Sro Curt Weymar, Zagenring, 22. PI.

Neuzalza-Spremberg, 188 (Germanujo, Saksujo). — Sro Arthua Kirchübel (kun negermanoj; PM. sur la vidflanko). PI. PM. L.

Beauvais (Francujo, Oise). — Sro M. Mousse, soldat 7e Cie, 51e Rég. d'infanterie. PI. L.

Montrond-les-Bains (Francujo, Oise). — Fino L. Heilly. PI.

Oranienburg (Germanujo). — Sro Otto Pfeiffel, Seminar.

Leipzig (Germanujo). — Fino Steiner, Gustav.-Adofstr. 41. I. — Fino E. Schubert, Johannisgasse 28. II.

Voronej (Rusujo). — Sro V. Pŝelincev, 9. Logovaja ul.

Minsk (Rusujo). — Sro V. Vernikovskij, Shirokaja 17 loĝ. 5.

Saint-Etienne (Francujo). — Fino L. Devun, place Paul-Bert, 5. PI. L.

Nicolaev (Rusujo). — Sro B. Lebedeviĉ-Draevskij. PI.

Boulogne-s-Mer (Francujo. — Sro Victor Haignerė, 149, rue du Moulin-à-Vapeur. PI.

*Nia sola infano.*
*Nia bonega filo*

**Nils ROSENBERG**

mortis la 5-a de Aŭgŭsto en Svanhals, Svedujo, post vivlonga sufero, lasante nin en korŝiranta malespero.

Li salutis korege siaj Amikoj-Samideanojn en la tuta mondo.

**Emma kaj Andreo ROSENBERG**

## Petoj kaj Proponoj

VINTRAJ SPORTOJ por ESPERANTISTOJ. — Thos. Cook kaj Son plezure sciigas ke ili jam faris aranĝojn pri internacia Vintra Festo kiu okazos 17an ĝis 24an Januaro 1911, en Champery (Svisujo). La programo enhavas plenan informojn pri la tagaj sportoj kaj la vesperaj distraĵoj, ankaŭ pri loĝado, kaj la vojagaranĝoj de la ĉefaj urboj en Eŭropo. Postulu ekzemplerojn ĉe THOS. COOK kaj SON, Cefoficejo. — LUDGATE CIRCUS, LONDON.

INFORM-STATISTIKA KOMISIO ĉe Lodza Filio de Pola Esp. Soc., celanta krei konstantan informejon por polaj esp.-istoj, kolektas ĉiujn sciigon pri movado en ĉiuj fako de esp.-vivo kaj petas ĉiujn organizaciojn inter- kaj naciajn kaj specialajn, ĉiujn eldonejojn, komercejojn kaj instituciojn akceptitajn Esperanton sendadi al ni plej detalajn informojn pri si k. ekz. *katalogojn*,, specimenojn, N. N. de gazetoj, prospektojn, programojn, k. t. p. Ni serĉas ankaŭ *konstantajn* seriozajn *korespondantojn* en ĉiuj naciaj centroj de esp. movado. Sciigojn kaj ofertojn bonvolu sendadi laŭ adreso : *Lodz* (Ruza Polujo) str. Mikotajewska N. 11, Pola. Esp. Societo. I-a Komisio.

VOJAĜO PARIZON. — Juna Bohemo, amatorofotografanto, vizitos en oktobro Parizon kaj Londonon; en Parizo li restos kelkajn monatojn; ĉiuj, kiuj deziras lin vidi kaj kun li paroli, volu skribi tuj al : O. Beneŝ, Praha-Zizkov, Havlĭĉkova 29, Bohemujo.

POŜŜMARKOJ. — Kiu sendas al mi almenaŭ 20 PM. de sia lando (krom 2 1/2, 5, 10 Sd.) ricevos tuj saman kvanton de malnov. german. PM. B. Luis, Werstenstr. 28, Düsseldorf (Germanujo).

KORESPONDO. — Sro sekr. de Esp. Klubo Otomar Koĉi, Kladno 983 (Bohemujo) dez. koresp. kaj interŝanĝi PI., spec. de Hind., Japanujo, Azio, Afriko, Aŭstralio. Ankaŭ L. en Esp. Stenogr. Schneeberger, li tre ŝatus.

KONTINENTAJ PRODUKTOJ. — Firmo havanta urbcentran kontoron kaj vojaĝiston vizitantan eksportistojn kaj fabrikistojn volas reprezenti fremdajn firmojn A. Beverley and Co, Manchester.

PENSIONO. — Ĝenevo (Svisujo), Villa les Mélèzes, 17, chemin des Chênes. Pensiono por fraŭlinoj, saniga situacio, ellernado de franca lingvo kaj kompletigo de la edukado. Hejma vivado. Prospekto Esperanta ĉe la direktorino. Por pluaj detaloj sin turni al la direktorino.

ŜPARMONO 4 %. — Eldonejo « Esperanto ». Leipzig, Langestrasse, 27, Germanujo.

PENSIONO. — Familio de geprofesoroj ĉe la superaj lernejoj akceptus kelkajn fraŭlinojn en pensiono. Vivo agrabla kaj gaja. Centra hejtado. Ĉarma artista hejmo kun mirinda situacio kaj bonega aero, borde de l'fama Geneva lago (*France*, Esperante, germane, angle). Adr. : Sro Vittel, prof. « La Vegnetta ». *Morges* par *Lausanne* (Svisujo). *Esperanta prospekto* laŭ peto.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hispanujo).

POR JUNULOJ. — F. L. G. Maréchal, B.-A. Direktoro (Lingva fako), Northern institute, internacia komerca lernejo, prezidanto de Internacia Asocio de Instruistoj, 384, Kingston Terrace, Leeds, Anglujo, akceptas fremdajn junulojn kiuj deziras ellerni la Angl. Lingvon kaj komercajn metodojn. Banejo; biliardĉambro, fumĉambro, k. t. p. Jare 500 Sm.

## Komercaj reklamoj

### ĈAMPANO ESPERANTO

Pro sia bongusto, pro sia natureco, pro sia komerca marko : « La Verda Stelo », tiu ĉampanvino de la firmo Gustave Ivernel ĉe Ay-Champagne, Francujo, speciale taŭgas por Esperantistaj kongresoj, festenoj, kunvenoj, k. t. p.

Po 1 botelo : Sm. 1.10, 1.40, 2 laŭ kvalito; Fr. 2.75, 3.50, 5 laŭ kvalito. La botelo prenita ĉe Ay.

Por mendoj, informoj kaj prezaroj sin turni al :

S-ro WILLERMOZ, U. E. A., No 19 - 44.94.1 ĝenerala riprezentanto por la tutmonda Esperantujo.

Oni petas pri fidindaj subagentoj.

*Quai Lunel. 24. Nice. France.*

### CITROJ

MAX AMBERGER. — Munĥeno, Mullerstr. 8. Reĝa Bavara kortegliveranto. Konstruejo por ĉiuspecaj majstre manlaborataj citroj; koncert-citroj kun plej forta tono kaj mondkonata plej facila ludebleco kaj kantemeco. La plej belaj citroj de la estanteco. Majstraj gitaroj, liutoj mandolinoj, violonoj, tenejo de memŝpinitaj daŭremaj kordoj.

Illustrita katalogo senpage kaj afrankite ricevebla.

Oni korespondas Esperante!

GRANDA HOTELO DU GLOBE, Paris. 71, rue Monge (apud rue Lacépède). Posedanto A. Leclerc. Proksime stacidomoj Austerlitz-Lyon-Montparnasse kaj Sportoĝardeno Sorbonne-Luxembourg'a ĝardeno. Ĉambroj de 0,80 Sm. ĝis Sm. 2. La gemastroj estas esperantistoj.

CENT DIVERSAJ POŜTKARTOJ Esperantaj por elekti. Mendu prezaron de Eldonejo Esperanto Germanujo; Leipzig, Langestr. 27.

9 LAMPIONOJ, formante la vorton Esperanto, Sm. 1.50 kaj sendelspezoj. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langstr., 27.

150 ESPER. POŜTKARTOJ diversaj Sm. 4.50 (100, 3 Sm.). Mendu prezaron. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langestr., 27.

INTERNACIA PROPAGANDA KORESPOND-POŜTKARTO, seslingve kun belega bildo de nia majstro. Po 10 ekz. Sm. 0.15; po 50 ekz. Sm. 0.55; po 100 ekz. Sm. 0.90; 1000 ekz. Sm. 5.20, afrankite. Oni akceptas ankaŭ poŝtmarkojn ĉiunaciajn, transpagilojn kaj Esp-ĉekojn. *Germana Esperanto-Librejo*, Sternwarte 40, Leipzig, Germanujo.

DELEGITOJ! Prezarojn petas Rotterdamsche gereedscharhandel, Nieuwe Markt, 11, Rotterdam, Nederlando. Societo por la vendado de iloj kaj maŝinoj por buĉistoj.

*La Administranto (Gérant)*: Michaud

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)

BORDEAUX-VINOJ

## Firmo Emile LAMY, Posedanto

*BORDEAUX (Franclando)*

Vinoj de Tablo. Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo aŭ duonbarelo.

Vinoj Maljunaj. — Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo, duonbarelo, kvaronbarelo, aŭ per kesto, diversspeca.

*Likvoroj de Vinoj — Alkoholoj — Ĉampanoj.*

Sin turni al Sro **Arnoux**, sola agento, 11, strato Chaligny, Paris (Franclando). Sendo de specimenoj laŭ peto. Oni korespondas Esperante.

**LA 365 HOROSKOPOJ (Rinkio)**

Agrabla, utila libro; mendebla ĉe Esperanto-Oficejo de Nice (Francujo) Sm. 0.80 aŭ 2 Fr.



**SANECO** estas *trezoro*, kiun oni konservas facile, kiam oni havas bonan stomakon. Skribu : 6, rue du Helder, *Paris*.

## AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto

ESPERANTO

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi estas ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (75 noj), afrankite 4 $. Sin turni al la Administrejo (10, rue de la Bourse, Genève).

*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*

**Granda Marko**
**" Ville de Paris "**

## INKOJ MIETTE

*gluoj likvidaj, sigeloj*

**Jules MIETTE**

102, Rue Amelot, PARIS-XI

**Ĉampano por Samideanoj**
**FRANCA VINO**

*Speciala Marko por Esperantistoj*

Verda Etiketo, Blanka Etiketo

**L. HURINOWICZ**

en **WASSY** (Hte-Marne) Franclando

Agentoj kun bonegaj referencoj estas dezirataj en ĉiuj landoj.

ĴUS APERIS

## LA DEVO

Parolado adresita al la sinjorinoj de Ĝenevo kaj de Laŭzano de Ernest NAVILLE tradukita de René de SAUSSURE

152 paĝoj kun portreto de l'aŭtoro **Prezo : 80 Sd.** (Afranke : 85 Sd.)

**La Construction logique des mots EN ESPERANTO**

Réponse à des critiques, suivie de propositions à l'Académie Espérantiste par ANTIDO

92 paĝoj. — **Prezo : 65 Sd.** afranke

**La logika bazo de Vortfarado EN ESPERANTO**

Esperanta resumo de la franclingva verko

12 paĝoj. — **Prezo : 15 Sd.** afranke

MENDEBLAJ DE

## Universala Esperantia Librejo

*10, rue de la Bourse*, **Genève** (Suisse)

**FRANCAJ AEROPLANOJ**

Blériot, Antoinette, Farman Voisin, k. c.

LA PLEJ PERFEKTAJ EN LA MONDO

*Por ĉiuj mendoj kaj klarigoj skribu al :*

**Sro P. PASQUET**

122, Bd de Clichy, 18e, PARIS (Francujo)




**SHERLOCK HOLMES EN SERVO DE LA HISPANA TRONO.**

## WÖRISHOFEN

**Akvo kaj Montaerokuracoj**

*(Metodo Kneipp)*

Aero-, suno kaj elektro banoj. Somero, kaj vintrosezono; 629 m. s. l. m. KLIMATO SUBALPA. Loĝejo kaj flegado je ĉiuj bezonoj, en sanatorio, institutoj, hoteloj, pensionoj kaj vilaoj. 2 horoj de München-Augsburg. Nombro de fremduloj en 1909 : 9311 personoj. Prospektoj kaj informoj por la KURVEREIN.




Ĉe la firmo *Roncati* loĝas Es-OF. kaj Vicdel. de U. E. A.

**PLI MALKARE OL IE AJN**

Senpera Vendado de la Regionaj Produktoj

## ESPERANTISTA EKSPORTOFICEJO

*58, Rue Mulatière, 58*

**SAINT-ÉTIENNE** (Francujo)

Rubandoj — Veluroj — Galonoj — Punto de Le Puy.

Ĉaspafiloj, revolveroj, fiŝkaptiloj, sportiloj — Bicikletajoj, bicikletoj — Teksiloj — Kudromaŝinoj — Pormetia trančilaro — Perfektigitaj vinkulturaj maŝinoj : pumpiloj kaj vinberpremiloj.

*Silkaj Esperantajoj* : Flagetoj, skarpoj, kravatoj (speciala katalogo). — Silka portreto de D-ro Zamenhof. — Likvoro digestiga Esperantine.

*NOTO.* — Pri ĉiu informpeto, sin turni al la Esp. Eksportoficejo per poŝtkarto kun pagita respondo aŭ sendante reskondkuponon.

## Okazo ne preterlasinda!

U. E. A. vendas

**Malnovajn ESPERANTIAJN MARKOJN**

(verdaj kun la portreto de D-ro Zamenhof, sur forta papero)

po **1 $ por 250 ekzempleroj**

*(anstataŭ 100), afrankite*

Rekomendinda propagandilo por niaj Delegitoj kaj membroj

*La sola internacia signo estas :*

## la VERDA STELO " GASSE "

(8a jaro).

kun ore skribita vorto " ESPERANTO " (déposée-registrita).

**REKONIGILO ! PROPAGANDILO !**

Pingloj, broĉoj, kravataj pingletoj : 1 : Fr. **0 75.** 10 : Fr. **6.** — 100 : Fr. **45.** — afr. kaj rekom.

Ĉensignoj (kun duoblo faco) 1 : Fr. : **1 50,** 10 : Fr. **12.** — Afr. kaj rekon.

Konto kun Ĉekbanko.

Mendu ilin al via grupo, aŭ per simpla poŝtkarta mandato al Sinjoro Emilo Gasse, 55, rue Fred. Bellanger, Havro, Francujo, aŭ al subtenejoj : Belgujo : S-ro. O. Van Schoor, Vondelstr. Antverpeno. Britujo : Esp. Oficejo Liverpool. Germanujo : Moller et Borel, Berlin. Hispanujo : Manuel Fuentès Bidebarrieta, Bilbao. Rusujo : Moskva librejo Esperanto, Tverskaja 28. Moskvo.

3.000 membroj EN FREMDAJ LANDOJ

*Jara Kotizaĵo* 2 dolaroj (4 $)

Membroj havas la jenajn profitojn : Ricevi informojn el ĉiuj landoj. Konatiĝi antaŭ ol forveturi eksterlanden

**CHARTERED A.-D. - 1900**

**Sinjorinoj Sinjoroj** estas akceptataj por membreco. Prospektoj kontraŭ afrankpago (*senpage al la skeptikuloj*). Adresu leterojn kaj monon al **Sekretario de C. C. C.**

Korespondi en fremdaj lingvoj. Interŝanĝi revuojn, poŝtkartojn, poŝtmarkojn, fotografaĵojn, plantaĵojn, insektojn, k. t. p.

## Milwauke, Wisconsin, U. S. A.

**Vojo por aliĝi.** — 1. Skribu vian nomon kaj adreson (legeble) kun unu aŭ pluraj referencoj. — 2. Skribu la lingvojn, kiujn vi komprenas. — 3 Konigu la temon pri kiu vi deziras korespondi. — 4. Sendu la kotizaĵon (4 $) per ĉeko aŭ poŝtmandato. Via nomo estos enskribata kaj vi ricevos ĉiujn paperojn kaj ekz. de *Globe Trotter* kun la plena listo de l'membroj.

# HOTELO LOUIS-LE-GRAND

*2, rue Louis-Le-Grand, Paris.*

En belega loko, inter la Rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj Prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

**PARIS** — **EGLI'S HOTELO INTERNACIA**

*11, rue Bachaumont (Bourse)*

Moderna, centre de Paris, proksime Louvre kaj Bulvardoj. 90 ĉambroj. Tre moderaj prezoj.

Svisa mastro.

Oni parolas Esperante.

MEDIZINISCHE LICHT- & HERZ- u. NERVEN- **Heilanstalt-Kuracejo** por lumkuracado por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.

vormals : ROTES KREUZ — antaŭe : RUĜA KRUCO

*51 Luisenstrasse* **BERLIN NW. 6** *Telefono III, 3185*

**Sekcio por lumkuracado**

Elektra lumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiado d'Arsonval kaj de Oudin kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p.

**Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen**

**Sekcio por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj**

Esploroj per radioj de Roentgen kaj konstatado de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacido kaj ŝprucbanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj. Vibromasaĝo k. t. p.

**La kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim**

Prospekto laŭ deziro — **KURACADO AMBULANTE. ONI PAROLAS ESPERANTE.** — Du kuracistoj — Direktoro : **Dr. BREIGER**

En monato septembro aperos la

# OFICIALA DOKUMENTARO

**PRI LA 1a KONGRESO DE U. E. A.**

**Enhavo** : *Protokoloj de la Kunvenoj.* — *Rezolucioj.* — *Paroladoj.* — *Kolekto de ĉiuj raportoj.*

Ĉirkaŭ *cent paĝoj* de teksto! *Neseca al ĉiuj Esperantianoj, speciale Delegitoj, Konsuloj, k. a.*

**Prezo : 0,50 $** (Afrankite)

**Ricevebla de UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO, 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)**

**AVIZO.** — Ĉar la nombro de la presotaj ekz. estas limigota, oni estas petata *tuj* mendi. La volumo estos sendata meze de septembro.

**50 Jara sukceso!** — **OSIJEKA VIZAĜPOMADO KAJ OSIJEKA SALVATOR-SAPO**

*forigas ŝprucmakulojn, kaj ĉian malpurajon de l'vizaĝo*

Malfalsa sole nur en la Salvator apoteko

## J.-C. DIENEŜ, OSIJEK (Essegg) (Kroatujo)



1 vazeto da osijeka vizaĝpomado kostas po 70 heleroj kaj po 1 Krono (1 Krono = 100 h. = 42 spesdekoj); 1 peco da Salvator-sapo 1 K. Unu vazeto da manŝmiraĵo 1 K. 20 h. Lyona pudro, malgranda skatolo 1 K. granda skatolo 2 K. Tiuj ĉi rimedoj ne havas domaĝajn konsistaĵojn kaj tutege respondas al la regularo de la alta registaro.

KIAL ESTAS UZOTA NUR

**" MIRANDA-KREMO "?**

Ĉar *Miranda*-Kremo estas perfekte nedomaĝa, ĉar per « **Miranda-Kremo** » **oni atingas idealan belecon**, ĉar *Miranda*-Kremo forigas ĉian malpuraĵon de la haŭto, ĉar *Miranda*-Kremo ne nur **plibeligas**, sed ankaŭ **junigas**. Unu vazeto da « **Miranda** » **Kremo** kostas 1 K. Unu skatolo da « **Miranda-pudro** » (trikolora) 1 K. unu peco da « **Miranda** » **sapo** 70 h.

Ricevebla ĉe la produktanto **J.-C. DIENEŜ**, post Osijek, supera urbo, de kie mendoj per poŝtpaĝo tuj efektiviĝas

La korespondado kun la **Salvator-Apoteko**, de **J.-C. Dienes** estas ankaŭ en la lingvo **Esperanto** krom la lingvoj germana, angla, franca, itala, latina, kroata, serba, aliaj slavaj lingvoj kaj la magyara.

La korespondanto de firmo J.-C. Dienes estas Drag. Mirko Kaniĉar, Delegito U. E. A.



Tiu ĉi **SVEDA RAZILO** kostas

1 po 1.92 $
2 — 3.30
3 — 4.12 afrankite

*Vidu la antaŭan anoncon en la gazeto.*

**John BYHLIGER, HEDEMORA (Svedujo)**

ĴUS APERIS :

## La Verko de Zamenhof

*Parolado de* **H. HODLER**, *Vicprezidanto de U. E. A.*

1 ekz. afr. 8 Sd.; 3 ekz. 22 Sd.; 12 ekz. 72 Sd.; 24 ekz. — **$ 1.20**

**UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO**

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)*

## Friedrich Ader, Dresden (Saksujo)

**ZAHNSGASSE 12, HANSAHAUS**

Esperantista Eldonejo : Esperantista Librejo
Esperantista Presejo : Artista Presejo

Atentu! La mendojn mi nur povas plenumi kontraŭ antaŭsendo aŭ pagoŝarĝo de la mono. Je antaŭpago mi petas aldoni 5 % de la sumo por miaj sendkostoj.

| | |
|---|---|
| Laŭmetoda, detala **Lernelibro de Esperanto**, verkita de Karl Schonkerr, intruisto. 7a eldono. | $ 0.88 |
| **Lexikon deutscher Redensarten**, ellaborita kaj en Esperanton tradukita de rektoro Wilh. Velten kaj R. Richter. Broŝurita $ 1.25 bele bindita | 1.60 |
| **Malgranda kantareto** (kun notoj) | 0.25 |
| **Dr. Zamenhofs Tabelle der Formworter**, verkita de rektoro Wilh. Velten | 0.20 |
| **Sigelmarkoj** kun la portreto de D-ro Zamenhof, sur luksa papero. 100 ekz. | 0.25 |

## Universala Esperantia Librejo

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Suisse)*

Vendas ĉiujn eldonaĵojn de U. E. A. kaj ĉiujn Esperantaĵojn (propagandiloj, lernolibroj, literaturajn kaj sciencajn, verkojn, k. t. p.).

**Oficialaj eldonaĵoj de U. E. A.** :
rekomendataj al ĉiuj Esperantianoj

*Oficiala Jarlibro* (Plenaj informoj pri U. E. A., ĝia organizo, ĝiaj servoj kaj la maniero ilin uzi, k. a. Plena listo de la Delegitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Esp.-Oficejoj de U. E. A.). Necesega por ĉiuj membroj. Prezo : 0,30 Sm.

*Oficiala insigno* (verda stelo kun blanka rando, rezervita por Esperantianoj). Prezo : 0,36 Sm. kaj 0.10 Sm. por rekomendo.

*Oficiala Marko* (gluota sur la korespondaĵoj de la Esperantianoj) 1 sd. por ekzempl. (minimumo 10 ekz). Por Esp.-Oficejoj rabato da 15 % por ĉiu mendo de pli ol 100 ekz.

*Oficiala leterpapero* (por Delegitoj, Subdelegitoj kaj membroj) 100 folioj : 0,75 Sm.

*Oficialaj kovertoj.* Prezo, 100 ekz : 0,60 Sm.

*Oficialaj poŝtkartoj.* Prezo, 100 ekz. : 0,75 Sm.

*Gvidfolioj de U. E. A.* (Rekomendataj al ĉiuj vojaĝantaj Esperantianoj). Senpage ricevebląj kontraŭ marko aŭ kupono da 0,10 Sm. Kolekto po $ 0.40 (40 urboj).

*Universala Esperanto-Asocio*, ĝia celo, ĝia organizo, ĝiaj praktikaj servoj, ĝia signifo. Propaganda broŝureto. Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm. (Nova eldono en preparo).

*Oficiala Bulteno* (senpaga por Delegitoj, Subdelegitoj kaj Konsuloj).

*Universala Esperanto-Asocio.* Enkonduko, celo, organizo, praktikaj servoj, socia, signifo, konsiloj, al la interesatoj, k. t. p. Tiu bonega propaganda broŝuro, kiu klare konigas U. E. A. al la neesperantista publiko, estas nepre rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj.

Ekzistas ĝis nun eldonoj en lingvoj *hispana, rusa* kaj *itala*. Novaj eldonoj angla, franca, kaj germana en preparo.

Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm.

AVIZOJ : Ĉiuj mendoj estu sendataj al **Universala Esperantia Librejo**, 10, rue de la Bourse, *Genève* (Svisujo).

Kalkulo estas malfermata nur al Delegitoj. Ĉiuj aliaj personoj devas aŭ mendi per sia loka Delegito, aŭ kunsendi la monon samtempe kun la mendo. Personoj, kiuj deziras rekomendigi sian mendaĵon, aldonu 0,10 Sm.

# LINGVO INTERNACIA

*CENTRA ORGANO DE LA ESPERANTISTOJ*

eliranta inter la 15. kaj la 20. de ĉiu monato

**LA PLEJ MALNOVA EL ĈIUJ GAZETOJ ESPERANTISTAJ**

(FONDITA EN 1895)

La plej enhavoriĉa! — **48** paĝoj da dense presita teksto en plej korekta kaj plej klasika stilo.

La plej malkara! — **5** fr. (2 $) abonprezo por UNU JARO